

Saluton!

Mi esperas, ke tiu ĉi numero estos aparte interesa por vi – ja temas pri lingvoj! Malfermas la numeron artikolo de Olga Gribovan pri lingva festivalo en Odeso (p. 3). Tiu ĉi evento estas tre speciala por mi persone, ĉar ĝi "naskiĝis" el la TEJO-seminario "Lingva ĉielarko – ponto al kulturaj trezoroj" (Budapeŝto, 2001), en kiu mi havis la honoron esti parto de la organiza teamo.

Daŭrigas la lingvan temon artikolo el Valencilando – kaj temas pri la valencia lingvo. Interesa afero: la valencia lingvo, same kiel la hispana (kastilia), estas la oficala lingvo de Valencilando – sed kial do ĝi daŭre perdas siajn parolantojn?.. Legu la klarigon de Pau Climent i Pérez (p. 4-5).

La artikolo de Hektor Alos i Font "Por engaĝita socilingvistiko" (p. 5) estos aparte interesa por lingvistoj kaj ankaŭ parolantoj de malpli uzataj lingvoj – en ĝi la aŭtoro klarigas, kia devas esti lingvopolitiko por ke ĝi reale protektu endanĝerigitajn kaj/aŭ malpli uzatajn lingvojn.

Ĉi-numere legantoj de *Kontakto* havos jam la duan okazon en tiu ĉi jaro legi intervjuon kun usona esperantisto – eble tio estas ŝuldata al mia translokiĝo al Usono kaj persona konatiĝo kun multaj usonaj samideanoj. Ĉi-foje nia gasto estas Tomaso Alexander, kaj ni parolas ĉefe pri planlingvoj – ankaŭ pri Volapuko kaj Interlingvao, kiujn li parolas (p. 6-7).

Ferriol Macip i Bonet estas kataluna esperantisto, kiu partoprenis somerajn tendarojn kaj instruis la okcitanan lingvon en Francio. Legu pri liaj – tre pensigaj – malkovroj pri la stato de la okcitana lingvo (p. 8-9).

La sekvaj du artikoloj temas pri nia lingvo. En la artikolo "Esperanto – la plej riĉa" Anatolo Gonĉarov dividas kun la legantoj de *Kontakto* parteton de siaj longdaŭraj literaturaj esploroj rilate Esperanton (p. 10-11). La dua artikolo certe amuzos vin: ja temas pri interesaj eldiroj de la denaskuloj (p. 12-13)!

Finas la lingvan numeron artikolo de Simajro Nneer (p. 14) – li dividas siajn pensojn pri la libro de U. Eco *La serĉado de la perfekta lingvo en la eŭropa kulturo.* Krome, atendas vin "bumerango" al la pasinta numero, recenzo de la nova disko de Jomo, kaj du interesaj (kaj nekutimaj!) rakontoj.

Mi ĝojis ricevi multajn artikolojn al la lingva numero kaj kore dankas ĉiujn, kiuj kontribuis. Restas nur aldoni, ke la lingva temo neniam finiĝas, kaj ni ĝojos ricevi viajn artikolojn pri lingvoj ankaŭ por aliaj numeroj – same kiel ni ĉiam ĝojas ricevi kontribuojn pri ĉiuj aliaj temoj – ĉu anoncitaj aŭ ne. Agrablan legadon!

*Ĵenja*

## <ENHAVO>



**Sur la kovrilo:** Nova Babelo. Supre: Eŭropa Parlamento (Strasburgo, Francio), sube: Babelturo (pentraĵo de Pieter Brueghel). Ideo: Joel Amis.

**Abonkotizo de *Kontakto* por 2006**

| Lando/valuto | Kto |
|---|---|
| Aŭstralio/dolaro | 34 |
| Aŭstrio/eŭro | 22 |
| Belgio/eŭro | 22 |
| Brazilo/eŭro | 10 |
| Britio/pundo | 14 |
| Bulgario/eŭro | 10 |
| Ĉeĥio/krono | 460 |
| Danio/krono | 160 |
| Estonio/eŭro | 11 |
| Finnlando/eŭro | 22 |
| Francio/eŭro | 22 |
| Germanio/eŭro | 22 |
| Greklando/eŭro | 22 |
| Hispanio/eŭro | 22 |
| Hungario/forinto | 3500 |
| Irlando/eŭro | 22 |
| Islando/eŭro | 20 |
| Israelo/eŭro | 16 |
| Italio/eŭro | 22 |
| Japanio/eno | 2700 |
| Kanado/dolaro | 31 |
| Malto/eŭro | 14 |
| Nederlando/eŭro | 22 |
| Norvegio/krono | 165 |
| Nov-Zelando/dolaro | 39 |
| Pollando/zloto | 45 |
| Portugalio/eŭro | 22 |
| Rusio/eŭro | 10 |
| Slovakio/krono | 550 |
| Svedio/krono | 200 |
| Svislando/franko | 31 |
| Usono/dolaro | 23 |
| TARIFO A/eŭro | 14 |
| TARIFO B/eŭro | 10 |

ALIAJ LANDOJ: Luksemburgio laŭ Belgio; San-Marino laŭ Italio; Kipro laŭ Malto; Liĥtenŝtejno laŭ Svislando; Latvio, Litovio kaj Slovenio laŭ Estonio.
TARIFO A: Honkongo, Korea Respubliko, Singapuro, Sud-Afriko,Tajvano.
TARIFO B: Ĉiuj ceteraj landoj ne jam menciitaj.

## Temoj de *Kontakto* en 2006

2006:4. EGALAJ RAJTOJ/FEMINISMO, en kunlaboro kun la kampanjo ĈIUJ MALSAMAJ, ĈIUJ EGALAJ <http://alldifferent-allequal.info/> de Konsilio de Eŭropo.

2006:5. TUTMONDIĜO.

2006:6. AMO.

Ĉiuj viaj artikoloj, ideoj, konsiloj, rimarkoj estas pli ol bonvenegaj kaj tre bezonataj! Kontaktu la redakcion laŭ la nova adreso: *Kontakto*, 16800 Phillips Rd. Alpharetta, GA 30004 Usono; ret-adreso: <kontakto@tejo.org>. Se vi sendis ion al la malnova adreso, ne timu, via letero ĉiukaze atingos la redakcion, simple kun ioma malfruo.

**Kiel sendi kontribuojn al *Kontakto*?**

- sendu prefere tekston originale verkitan en Esperanto aŭ foton/bildon memfaritan
- se vi sendas tradukon, bv. indiki la originajn fontojn, lingvon kaj aŭtoron. Ĉe fabelo indiku, ĉu ĝi estas popola (kaj de kiu popolo) aŭ verkita de vi
- *Kontakto* ne estas movada revuo, do *ne sendu al ĝi primovadajn raportojn!*
- indiku, ĉu via artikolo jam aperis, aŭ estas proponata al alia revuo
- fotoj devas esti bonkvalitaj, ne gravas ĉu nigrablankaj, ĉu koloraj. Ne forgesu aldoni la nomon de la artisto aŭ de la fotinto!
- dikajn kovertojn prefere sendu registritaj.
- rete bv. sendi vian artikolon kiel kutiman retmesaĝon aŭ RTF (bv. uzi x-kodon por supersignaj literoj); bildojn – kiel JPEG (150-300 dpi)
- ilustraĵoj kaj adresoj en la interreto, kiuj rilatas al via temo, estas tre bonvenaj! **Koran antaŭdankon!**


***Kontakto***: Dumonata socikultura revuo de **Tutmonda Esperantista Junulara Organizo** (TEJO), eldonata de **Universala Esperanto-Asocio** (UEA). **Fondita** en 1963. **N-ro 213** (2006:3), 43-a jarkolekto. **ISSN** 0023-3692. **Legata** en ĉ. 90 landoj. **TTT-paĝo:** <http://www.tejo.org/eldonoj.jsp>. **Eldonanto** (administrado, abonoj, anoncoj): **UEA:** * Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando; tel.: +31 10 436 10 44, fakso: +31 10 436 17 51; ret-adreso: <uea@inter.nl.net>. **Redakcio:** *Kontakto,* 16800 Phillips Rd. Alpharetta, GA 30004 Usono; ret-adreso: <kontakto@tejo.org>. **Redaktoro, grafikisto:** Eugenia (Ĵenja) Amis (Ukrainio/Usono). **Vic-redaktoro:** Joel Amis (Usono). **Ĉef-korektisto:** Paŭlo Moĵajev (Ukrainio). **Presado:** Skonpres, Bydgoszcz (Pollando), ret-adreso: <skonpres@poczta.onet.pl>. **Konstantaj kunlaborantoj:** Joel Amis (Usono), Hektor Alos i Font (Katalunio), Tatjana Auderskaja (Ukrainio), Olivier Gaudefroy (Francio), Olga Gribovan (Ĉednestra Respubliko), Anatolo Ionesov (Uzbekio), Paŭlo Moĵajev (Ukrainio), Simajro Nneer (Hispanio), Saliko, (Finnlando), Behrouz Soroushian (Irano/Francio). **Facillingvaj artikoloj** estas verkitaj en la niveloj *tre facila* kaj *facila,* laŭ la vortolisto de *Kontakto.* Tiu listo aperas kun la unua numero ĉiujare. **Anonctarifo:** Tutpaĝa 350 EUR, 1/2-paĝa 190 EUR, 1/4-paĝa 100 EUR, 1/8-paĝa 55 EUR, 1/16-paĝa 30 EUR. Anoncoj sur kovrilpaĝoj kostas duoble. Por E-organizaĵoj 50% da rabato. Varbantoj de ekstermovadaj anoncoj ricevas makleraĵon de 30 %. Por anoncoj bv. kontakti UEA. **Anoncetoj:** por *Anonctabulo* kostas tri internaciajn respondkuponojn por dek vortoj. Bv. sendi rekte al la redakcio aŭ al UEA. **Abontarifo:** varias laŭlande. Petu informojn de UEA. **Malfortvidantoj:** povas ricevi voĉlegitan eldonon senpage. Sendu du 60-minutajn kasedojn al Elise Lauwen, Fort Alexanderstraat 16, NL-5241 XG Rosmalen, Nederlando. ***Kontakto* en radioj:** Regiono / tempo (UTC) / metroj / frekvencoj (kHz)): *Radio Havano (Kubo)* Okcidenta kaj Norda Ameriko kaj Pacifika Azio/ 7:00/31/9 820; Tuta Ameriko kaj Karibio / 15:00, 23:30/25/11 760; Eŭropo Mediteranea/ 19:30, 22.00/21/13 715; <http://216.138.240.229/rc4> (je la 15a horo UTC), <http://roi.orf.at/esperanto/es_demand.html> (laŭ mendo tra la servilo de Austria Radio Internacia). *Pola Radio:* elsendoj:13:30/41,23/7 275; ripetoj: 18:00/42.07/7 130; 20:00 kaj 9:30 sekvan tagon (nur per satelito). La satelita ricevo eblas per: Eutelsat II F – 6 – Hot Bird – 13 gradoj de la orienta latitudo; frekvenco 11,474 GHz, polarizado horizontala (H); subportanto 7,38 MHz. <http://www.wrn.org/ondemand/poland.html>, <http://www.radio.com.pl/polonia/esperanto_eo.asp>, <http://start.at/retradio>

***La redakcio kaj la eldonanto ne respondecas pri la opinioj de unuopaj aŭtoroj.***

# Lingva Festivalo per okuloj de gasto




Jen malproksima Malajzio...



kaj najbara Pollando!

FOTOJ KOMPLEZE DE O. GRIBOVAN

*Olga Gribovan, Ĉednestra Respubliko*

**“Kie mi estas?” – mi demandis min enirante grandan** halon **de odesa lernejo. “Ĉielarko de lingvoj” – legis mi ĉe la enirejo kaj komprenis, ke temas pri lingvoj. Brile!**

Kio nun? En la tria etaĝo staras knabinoj en germanaj naciaj kostumoj apud iu **stando** kun same germanaj pupoj, teleroj kaj aliaj naciaj aĵoj. En la centra halo kolektiĝis homoj kaj atente aŭskultis prelegojn de iuj, sendube, bonaj homoj, kiuj helpis organizi tiun ĉi aranĝon. Sed kiun aranĝon? Tion mi ĝis nun ne komprenis. Bon-deziris la **konsuloj** de Rumanio, Pollando, Rusio. Ili parolis pri **festivalo**, sed kiel inter-rilatas festivalo kaj lingva ĉielarko? Tuj mi vidos, ĉar jam ĉiuj rapidas al la klasoj. Sci-volu ankaŭ mi.

Sur unu pordo estis skribaĵo: indonezia, latina kaj persa. Mi en-puŝis la kapon tra la hom-amaso kaj ekvidis malhel-haŭtajn geknabojn, kiuj gaje komencis rakonti pri tio, de kie ili venas kaj kia estas ilia lingvo. Hm, interese. Iru mi plu. Jen ĉinoj manĝigas spektantojn per naciaj bongustaĵoj kaj montras naciajn vestaĵojn. Hispanoj klarigas pri la lingvo de korpo kaj vent-um-ilo. Ĉiuj senfine ĝuas tiun etoson de internacieco kaj rapidas vidi ĉiujn lingvojn kaj kulturojn, kiuj **hazarde** (aŭ ne) kolektiĝis meze de la sud-ukraina urbo Odeso. Finfine, mi komprenis, kion oni volis diri per tiu “lingva ĉielarko”.

Mult-koloraj nacioj kaj portantoj de diversaj lingvoj unu-iĝis en unu brilanta floro, kaj ĝia odoro **ĉarmas** ĉiujn, kiuj tuŝas ĝin. Tuj mi rememoris, ke mi vidis ĉie en la urbo multkolorajn afiŝojn pri la Lingva Festivalo okazonta la 25-26-an de februaro 2006, kun emblemo de Odesa Junulara Esperanto-Klubo “Verdaĵo”. Mi atentis tion, ĉar por mi estis mirinde ekscii, ke en nia urbo ekzistas loko, kie oni povas lerni tiun lingvon kun nekutima, bela nomo – Esperanto. Mi ekvolis partopreni prezentadon de tiu lingvo kaj ĉeestis ĝin, ĉiumomente pinĉante min por esti certa, ke mi ne dormas kaj ĉio okazas reale. Mi eksciis, ke antaŭ la festivalo okazis gazetara **konferenco** por lokaj raportistoj, kie oni prezentis la aranĝon, dediĉitan al la Internacia Tago de Gepatra Lingvo – la 21-a de februaro.

Tiu ĉi festivalo estis jam la tria en la urbo, kaj la unuan fojon ĝi akiris seriozajn sponsorojn en la registaro. Mi kalkulis kaj trovis 24 prezentatajn lingvojn: araba, armena, bulgara, ĉeĥa, ĉina, *devanagari* (hinda skrib-sistemo), Esperanto, gagauza*, germana, greka, hispana, *ibanag* (lingvo de nord-filipina tribo), indonezia, itala, japana, korea, latina, malaja, moldava, persa, pola, rumana, skota, gaela, vjetnama. Mi parolis kun la **reprezentantoj** de la malaja lingvo kaj eksciis, ke ili estas ekster-landaj studentoj de odesaj universitatoj. Venis ankaŭ du usonanoj, kiuj bonege parolas la rusan, kaj dividis kun ni siajn sciojn pri la indonezia lingvo de la insulo Javo. Mi ne povis fermi mian buŝon aŭskultante ilin. Imagu nur, ke por indonezianoj gravas fizika alteco inter vi kaj via ĉefo, ekzemple. Se vi estas kun via ĉefo en unu ĉambro, vi ne rajtas, ekzemple, pendigi la bildon surmure, eĉ se li petas vin tion fari, ĉar tiam, starante sur seĝo, vi estos sur pli alta nivelo ol li.

Plej aktivaj partoprenantoj de la aranĝo estis aro da ĵurnalistoj el tri lokaj televid-kanaloj kaj kvin gazetoj. Ili ĉien trairis, filmis kaj demandadis. Post la fino de la prezentadoj, ĉiuj partoprenantoj ricevis donacojn kaj povis gustumi manĝaĵojn kuiritajn de armenoj kaj loka manĝejo. Bona fino por labor-tago. Sed tio ne estis ĉio. Sekva-tage la festo estis daŭrigita per **poliglota** konkurso de lernejanoj kaj studentoj, kaj per granda (3,5-hora!) internacia koncerto.

En kiu alia loko mi povus dum la sama tempo ĝui tian diversecon de popolaj muziko kaj kantoj? Sonis kantoj en la lingvoj irlanda, germana, pola, franca, itala, angla, ĉeĥa, moldava, kazaĥa, belorusa, ĉina. Ili miksiĝis kun dancoj armenaj, hindaj, ĉinaj, ĉeĥaj, grekaj, germanaj; kaj ankaŭ itala teatraĵeto kaj ruslingva 10-minuta prezentado de grekaj mitoj kaj tuta “Iliado” fare de la studentoj de la Medicina Universitato. Estis prezentita ankaŭ malaja popola batal-arto.

Entute la festivalon dum du tagoj vizitis ĉirkaŭ unu mil homoj. Kia sperto kaj sukceso! Mi dankis Dion pro tiu donaco kaj atendegos la sekvan festivalon de lingvoj kaj amikeco.

* gagauzoj – nacio de tjurka origino (kun ĉ. 250 mil anoj), kiu loĝas en suda Moldavio kaj sud-okcidenta Ukrainio.

**ĉarma** – plaĉa kaj alloga
**ĉielarko (ĉiel-arko)** – divers-kolora duon-rondo, kiun oni povas vidi en la ĉielo post la pluvo
**emblemo** – signo
**festivalo** – 1) perioda serio de prezentoj pri iu arto; 2) festa renkontiĝo
**hazarde** – ne atendite
**konferenco** – renkontiĝo de fakuloj; gazetara konferenco – renkontiĝo, kie oni respondas demandojn de raportistoj
**konsulo** – **reprezentanto** de unu lando en la alia
**pinĉi** – dolorige premi inter du fingroj
**poligloto** – homo, kiu parolas multajn lingvojn
**reprezenti** – fari ion nome de iu alia homo, organizo, ŝtato ktp.
**stando** – tabulo, sur kiu oni prezentas ekspoziciaĵojn

# Nur sur papero: la oficialeco de la valencia lingvo


Valencia flago


Valencia blazono

*Pau Climent i Pérez, Valencilando*, Katalunio*

"La du oficialaj lingvoj de la Aŭtonoma Komunumo estas la valencia kaj la kastilia**". Tion asertas la sepa artikolo de la nuna valencilanda leĝo pri aŭtonomeco. Pri tio, ĉu la valencia estas la kataluna aŭ ne, la leĝo diras nenion, almenaŭ la baza leĝaro. Sed la Valencia Supera Tribunalo pri Justico jam diris eĉ kvar-foje, ke la vortoj "valencia" kaj "kataluna" estas same bonaj por nomi la lingvon parolatan de la valencianoj, kaj ankaŭ unufoje tion rezoluciis la Konstitucia Tribunalo, la plej supera ŝtata tribunalo. Ĉu tiu neklareco en baza leĝaro estas vola aŭ nevola, neniu povas diri, sed la faktoj neniam mensogas.

La fakto estas, ke la valencia perdis 10 poentojn da sia procenta pezo en la socio en la lasta jardeko. Sed kiel tio eblas, se ni havas leĝon protektantan la valencian?! Fakto estas, ke tiu leĝo nek sufiĉas nek funkcias en la ĉiutaga vivo. Kial? Klare, la politikaj partioj ne bone ĝin aplikas. La dekstruloj – ĉar la leĝo favoras la uzon de la valencia ĉie, kaj ĝi konsideras la lingvon valencian kiel la lingvon de la registaro valencia. Tio, evidente, por dekstruloj (en lando, kie dekstro tradicie ligiĝas al fortega hispana naciismo) estas troa protektado! Sed ankaŭ la maldekstruloj ne ŝatas tiun leĝon, ĉar ĝi estas polemika en urbegoj havantaj multenombran kastili-lingvan loĝantaron.

Laŭ la leĝo, Valencilando havas urbojn, kie oni parolas la valencian laŭhistorie, kaj urbojn, kie tradicie oni parolas la kastilian, kvankam la valenci-lingva parto konsistigas ĉ. 85% de la loĝantaro. En la valenci-lingvaj urboj lernado devas okazi en la valencia, aŭ almenaŭ lernejoj devas iom post iom enkonduki la valencian ĝis ĝia ĉiea plena uzado. Sed dekstruloj kaj maljunaj instruistoj (enpoksteniĝintaj dum la faŝisma reĝimo) kontraŭstaris tiun instrumanieron. Ili timigis la gepatrojn, dirante ke iliaj infanoj ne plu scipovos la hispanan, kaj restos stultaj kaj senlaboraj.

## "Mia filino lernu 'rodilla'!"

Tiam amaso da koleriĝintaj patrinoj surstratiĝis riproĉante la instruistojn, kiuj apogis la registaron, la leĝon, kaj la ideon instrui en la valencia. Miaj gepatroj ĉiam parolis al mi pri unu el tiuj niaj samurbaninoj, kiu laŭte kriis "mi volas, ke mia filino lernu *rodilla* (kastilia/hispana vorto por "kruro"); ĝi ne samas al *genoll* (kataluna/valencia vorto por "kruro" - jes ja, ili samas!). Oni konsideris la kastilian pli klara, bela kaj bonsona... kaj la valencia estis la lingvo de la kamparanoj. Tiuj patrinoj eĉ kriis valencie kontraŭ valencia lernejo!

Kio okazis poste? En mia urbo la homoj dividiĝis. Estis valencia lernejo kaj kvazaŭ-kastilia lernejo, kiu fakte estis lernejo, kie la valencia estis uzenda, sed oni ĝin instruis nur kiel lern-objekton, kaj ĉiujn aliajn fakojn oni instruis kastilie. Jes, kvazaŭ-zamenhofa estis mia infaneco en mia urbo! Estis eĉ malamo inter la infanoj de la diversaj lernejoj: la "supra lernejo" (ĝi estis sur monteto), kie oni lernis valencie, kaj la "malsupra lernejo", kie lernado okazis kastilie.

Nuntempe ambaŭ el la du lernejoj instruas valenci-lingve, kiel diras la leĝo. Sed la leganto povas sin demandi: "Kiel la koleriĝintaj patrinoj tion akceptis?" La respondo estas, ke lastatempe alvenis enmigrintoj el Sud-Ameriko, kiuj scipovas nur la hispanan kaj kiuj preferis aligi siajn gefilojn al la "kastilia" lernejo. Al tiuj koleriĝintaj patrinoj hirtiĝis la haroj! Iliaj gefiloj kun la enmigrintoj! Dio ilia! Nekredeble! Do tiuj patrinoj forprenis siajn geidojn kaj aligis ilin al la valencia lernejo... por ke ili ne "sudamerikaniĝu". Tiamaniere la direktoro de la "kastilia" lernejo decidis, ke ankaŭ lia lernejo instruos en la valencia. Tamen tio okazis nur en mia urbo. Aliloke oni plu instruadas la valencian nur kiel lern-objekton, eĉ kontraŭleĝe, ĉar neniu prizorgis organizi valencian lernejon (kaj aldonindas, ke mi ĉiam parolas pri urb(et)oj, kie la valencia estas la denaska lingvo de la plimulto, eĉ ankaŭ de multaj el tiuj koleriĝintaj patrinoj).

"Escola Valenciana – Federació d'associacions per la llengua" (esperante: "Valencia Lernejo – Federacio de asocioj por la lingvo", www.fev.org) estas aktive laboranta asocio por la instruado en la valencia, aganta por ke estu pli da lernejoj instruantaj en nia lingvo. Tamen, la lernejoj, en kiuj oni ne instruas en la valencia (en la landoparto, kie tio estas leĝe deviga), estas la plimulto, pretekste ke leĝe ne ekzistas limdato por ilia plena valenciigo. Kaj la valencia registaro regata de la dekstruloj faras nenion... Fakte ili kiel eble plej malfaciligas la valenciigadon. Ekzemple, laŭleĝe en mezlernejoj neniam devus esti pli ol po 25 lernantoj en klaso, sed se estas aro el 30 lernantoj kun malsamaj lingvaj preferoj, la registaro ne dividas la grupon en du malsamajn klasojn (unu por valenci-parolantoj kaj la alia por kastili-parolantoj), sed oni decidas, ke ili estu kune, eĉ neleĝe. Tiam la lecionoj preskaŭ ĉiam okazas en la kastilia, pro nekompreno de la valencia fare de la kastili-lingvanoj. Tial valenciigado okazas nur pro decida interveno de la lernejaj estraroj (instruistoj kaj gepatroj), kaj asocioj kiel Escola Valenciana estas necesaj por varbi ilin.

## "Neniam oni parolis la valencian en Alakanto!"

Pri tio, ke oni neniam parolis la valencian en la urbo, estas aŭdeble en ĉefaj urboj kiel Alakanto, kie la kastilidevena loĝantaro estas tiel multnombra, ke plimulto de la urbanoj asertas, ke ili neniam aŭdis la valencian en la urbo. Sed tio fakte estas klara mensogo, ĉar ĉiuj nomoj de tipaj manĝoj, aŭ festoj, aŭ de la lokoj mem (vilaĝoj, montoj, fontoj ktp.) estas valenci-lingvaj.

En Alakanto la faŝisma reĝimo (1939-1977) pli ol duobligis la loĝantaron: ĝi kreskis el 104 222 en 1950 ĝis 200 000 en 1975. Multaj el la domoj estis malmultekostaj, ĉar oni konstruis ilin kadre de la ŝtata amas-konstrua plano por faciligi la enmigradon de kastilianoj kaj andaluzoj, kiuj ne havis laboron sialande, kaj kiuj serĉis laboron en la kreskantaj marbordaj turismejoj.

Krome, dum faŝismo la valencia lingvo estis malpermesata kaj nur hejme parolata de la alakantanoj. La nomoj de la stratoj kaj placoj estis hispanigitaj, paroli valenci-lingve surstrate aŭ en ajna publika loko (aŭ eĉ per telefono) estis kontraŭleĝe.

La nov-venintoj neniam zorgis lerni la lingvon, ĉar ĝi estis nenecesa por ili. Multaj estis eĉ dankaj al la faŝisma reĝimo, kiu faciligis ilian migradon kaj kiu disvendis malmultekostajn domojn – ne grave, ke ĝi samtempe subevoluigis kaj mizerigis iliajn devenlandojn, pro kio ili devis elmigri.

Kompreneble, la lernado tiam estis en la kastilia, kaj tiu ĉi fariĝis la nura lingvo por kulturo, scienco ktp.; do, paroli en la valencia fariĝis kamparana afero. Multaj el la jam menciitaj "koleriĝintaj patrinoj" estis la valenci-parolantoj mem, kies cerboj dum jaroj estis

lavataj pri la bonoj scipovi la kastilian, kaj la supozataj limigoj de la valencia por atingi kiun ajn bone pagatan laboron.

Kiam, post la morto de la diktatoro, oni reoficialigis la valencian, nek la nov-venintoj nek multaj valenci-lingvaj gepatroj taksis la revalenciigon de urboj, stratoj kaj lernejoj kiel ion plaĉan. Nov-venintoj ekprotestis kontraŭ la deviga lernado de la valencia por labori en publikaj laborpostenoj (lernejoj, san-institucioj ktp.), kaj la valenci-lingvaj gepatroj pensis, ke valencia edukado limigos por iliaj gefiloj la eblon trovi laboron ekstere: ili ne komprenis, ke valencia lernado helpus la infanojn lerni pli rapide kaj pli efike, kaj ke ankaŭ la kastilian ili lernus.

Nun, dudek kvin jarojn post la leĝigo de la valencia kaj dudek tri jarojn post la leĝo, kiu surpapere protektas ĝin, ni povas konstati, ke tiuj timoj ankoraŭ ekzistas, kvankam la statistikoj klare indikas, ke studentoj el valenci-lingvaj lernejoj kapablas paroli la du lingvojn pli bone ol studentoj el kastili-lingvaj lernejoj, kiuj ne sukcesas korekte paroli la valencian.

* Valencilando, oficiale nomata Valencia Komunumo, estas aŭtonoma komunumo de Hispanio, loĝata de proksimume kvar milionoj da homoj sur areo de 23 305 kv. km – E-Vikipedio.
** la esprimo "kastilia lingvo" estas alia nomo por la hispana lingvo.

# Por engaĝita socilingvistiko

*Hektor Alos i Font, Katalunio*

Leginte aserton de Yamasaki Seikô*, la redaktoro de la lingva rubriko de *Monato*, ke socilingvistoj kulpigas la homojn pri tio, ke tiuj forlasas sian lingvon, kaj malfeliĉigas ilin kaŭzante kulposenton, mi konsterniĝis. Mi fakte ne nur konsterniĝis: mi ekkoleris. Jesús Tuson en sia libro *Mal de llengües* ("Lingvomalsano"), tre ŝatata inter la katalunaj lingvoegaligistoj, pravege lokas lingvistojn, kiajn Yamasaki, kiel la plej riproĉindajn elementojn en la lingvo-anstataŭaj procezoj, ĉar ĝuste ili plej bone konscias pri la konsekvencoj de siaj asertoj kaj proponoj.

Estas klare, ke en procezo de lingvo-anstataŭado malofte kaj malmulte kulpas individuaj parolantoj, des malpli tiuj de la minoritato. Se homo hontas pri sia denaska lingvo, kaj preferas transdoni la lingvon de la regantoj al siaj gefiloj, estu certaj, ke tiu homo ne estas feliĉa. Kaj ke ne socilingvisto malfeliĉigis lin. Tiu homo en si mem ankaŭ ne kulpas pri sia lingva malfideleco. Kulpas la socia etoso kaj la ekonomiaj kondiĉoj, kiuj igas lin tiel konduti, kaj kulpas ĉefe tiuj regantoj, kiuj faras nenion por kontraŭstari tiujn procezojn, sed, male, ofte aktive antaŭenpuŝas ilin.

Ni analizu, do, kion celas kaj devas celi socilingvistiko.

## Konstatado ne sufiĉas

Principe socilingvistiko, kiel socia scienco, simple konstatas la staton de aferoj: kiu uzas kiun lingvon, por kio, kiagrade kaj kiakvalite. Sed kolektado de informoj kaj ilia publikigo estas ege modesta kontribuo por eviti lingvo-anstataŭadon. Socilingvistiko devas ne nur kvazaŭ notarie registri, kio okazas, sed ĝi devus senhezite alporti sian kontribuon al la lingvopolitikaj decidoj, engaĝi sin en politikajn programojn por solvi lingvajn problemojn. Same okazas ĉe aliaj branĉoj de lingvistiko, kiel aplikado de fonetiko kontribuas, ekzemple, al ortofona* kuracado.

Pri kiuj konkretaj problemoj okupiĝu socilingvistiko? Mi prezentu tute senkaŝe *mian personan* problemon: mi loĝas en la Kataluna Landaro, la sola loko en la mondo, kie komunumo parolas mian denaskan lingvon. Mi deziras uzi ĝin kiel eble plej libere, sen ĉiutaga, rea, konstanta ĉikanado, por ke mi uzu hegemonian lingvon. Mi tute ne deziras malhelpi la uzantojn de la ĉ. 300 aliaj lingvoj tie parolataj, sed mi deziras butikumi en mia lingvo, spekti televidon en mia lingvo, havi elekton en kinejoj pri famaj filmoj en mia lingvo, ankaŭ pri libroj, ankaŭ pri tradukoj de aktualaj furoraĵoj... Mi deziras rilati al ĉiuj miaj regantoj, kiujn mi pagas el mia poŝo, en mia lingvo; kaj ankaŭ al la kuracistoj en la sanservo; kaj al juĝistoj. Kaj ke miaj gefiloj lernu en la kataluna de infanvartejo ĝis universitato. Mi pagas por tio per miaj impostoj, kaj la Kataluna Landaro estas la sola mondoparto, kie tio povas nature efektiviĝi.

Heredajn rajtojn mi konsideras ne havi, kaj terpeco apartenas al neniu etno, sed al ĉiuj homoj tie loĝantaj. Tial, kompreneble aliaj lingvaj grupoj havu kiel eble plej multajn lingvajn rajtojn, ĉefe la parolantoj de endanĝerigitaj lingvoj. Ekzemple, en la okcitanlingva regiono de nia lando (kun 7000 loĝantoj), la okcitana estas la ĉefa lingvo de instruado kaj administrado. Ĉiuj voj-indikiloj estas en la okcitana, kaj la stratplanoj nur en ĝi.

Fakte, tiajn rajtojn (aŭ pozitivan diskriminacion) ne nepre devas ĝui nur komunumoj delonge establitaj sur teritorio. Se, ekzemple, malkovriĝas, ke endanĝerigitan lingvon uzas enmigrinta grupo, kiu konsistigas konsiderindan parton de ĝia parolantaro, tiu grupo devus havi apartan subtenon por sia lingvo.

## Kiel agi?

Do, kia lingvopolitiko povas atingi tiujn celojn? (Kaj antaŭe mi klarigu, ke mi okupiĝas ĉi tie pri "simpla" modelo kun unu reganta lingvo kaj unu malpli uzata lingvo, kiu sufiĉe kongruas kun la situacio en la Kataluna Landaro. Pli kompleksaj situacioj postulas pli da nuancoj ne kovreblaj ĉi tie.)

Do, la lingvopolitiko sekvu la jenajn regulojn:

Unue, ĝi estu pragmata, laŭŝtupa kaj planita kun longa perspektivo.

Due, ĝi estu akceptata de granda plimulto de la loĝantaro. Ni tuŝas esencajn aspektojn de la ĉiutaga vivo, kiuj forte rolas simbole: do ni devas esti ekstreme singardaj.

Kaj trie, ĝi okupiĝu pri tri esencaj aspektoj:

— La altigo de la taksado de la malpli uzata lingvo (kaj ĉe la parolantoj kaj ĉe la neparolantoj)

— La altigo de la lingvokapabloj de la homoj: same la aktivaj (ĉefe ĉe la jamaj parolantoj) kiel la pasivaj (ĉe la alilingvanoj). Tio estas: la denaskaj parolantoj de la reganta lingvo nepre devas lerni en la lernejo la malpli uzatan lingvon kaj fariĝi lingve kapablaj en ĝi. Kaj por tio ne sufiĉas lerni ĝin, sed necesas lerni ekde frua infaneco tutajn fakojn en ĝi, kiel pruvas ekz. la sperto de dulingva edukado en Eŭskio.

— La altigo de la efektiva uzado de la lingvo. Kaj tiu aspekto estas baza, ĉar, simile al la irlanda kazo, foje ĉe ni oni parolas pri danĝero de "latiniĝo" de la kataluna, t.e. homoj tre alte ĝin taksas, kapablas sufiĉe flue esprimi sin en ĝi kaj legi eĉ mezepokajn tekstojn... sed katalunlingvanoj plu facilege ekparolas en la hispana aŭ la franca pro enradikiĝinta socia postulo, laŭ kiu etlingvanoj ĝentile uzu la lingvon de la eglingvanoj.

Por tiu tre skize prezentita lingvopolitiko ekstreme gravas la harmonio kaj la akceptemo de la granda plimulto de la loĝantaro. Ĉio ĉi estas tre bela kaj akceptinda en la teorio, sed kiam oni devige enkondukas po tri-kvar lernohorojn semajne de la okcitana, gepatroj (ankaŭ okcitanlingvaj) plendas, ke la infanoj prefere lernu matematikon. Kaj kiam oni instruas matematikon en la okcitana, tiam plendoj leviĝas flanke de la alilingvanoj, ĉar estas psikologie malkonvene por la infanoj lerni en fremda lingvo. (Kompreneble, ĉiam montriĝas psikologiaj malkonvenaĵoj nur por la infanoj de la grand-lingvanoj.)

Kiam okazas ŝanĝoj, ĉiam iu grupo sentas, ke ĝi perdas. Kaj tre eble ĉi tie la plendoj estas ne senpravaj, ĉar la unulingvaj membroj de la hegemonia lingvo (ne ĉiam majoritata) seniĝos je sia privilegio kompreni kaj komunikiĝi nur en sia lingvo – privilegio, kiun mi kiel kataluno kaj esperantisto duoble malestimas. Sed necesas komprenigi al la perdantoj, ke la ŝanĝoj estos sufiĉe laŭŝtupaj (ni parolas pri 1-2-3 generacioj), por ke ĉiu kontentige adaptiĝu. Kaj ke diverseco, per la refortigo de malpli uzataj lingvoj, kunportos kulturan riĉecon al homoj kaj regionoj... ankaŭ ekonomian, ekz. pro turismo: ĉar diverseco vekas intereson. Kaj ĝi estas la fundamento de nia homeco. Unulingvecon kaj malegalecon ni elsarku, ĉar ili estas du vizaĝoj de la sama monero.

Rimarku, do, la mistifikon de la redaktoro, kiu estis menciita komence de mia artikolo (cetere, li estas denaska parolanto de lingvo kun pli ol cent milionoj da parolantoj). Engaĝita socilingvistiko neniel kulpigas individuajn parolantojn pri konkretaj agadoj – kaj certe ne tiujn de la malpli uzataj lingvoj. Ĝi, male, celas malrapide, sed firmapaŝe, ŝanĝi la socian etoson kaj sociajn interrilatojn, pro kiuj minoritatanoj estas puŝataj forlasi sian lingvon, kaj transpreni la pli prestiĝan kaj ĝenerale uzatan. Kaj por tion atingi necesas fortega engaĝiĝo – ankaŭ tiu de socilingvistoj.

* Artikolo de s-ro Yamasaki Seikô legeblas ĉe <http://www.esperanto.be/fel/2004/008386.html>
** ortofona – rilata al normala prononcado, kontraste al balbutado kaj aliaj voĉaj perturboj

# “Por mi la plej bela afero pri Volapuko estas ke ĝi vere estas parto de nia Esperanta historio”


KOMPLEZE DE T. ALEXANDER

Tomaso kun la familio

**La gasto de *Kontakto* estas Tomaso Alexander, la estro de la dissendolisto “Bablo” – ĝenerala babilejo pri diversaj helplingvoj, inkluzive Esperanton. Tomaso ankaŭ respondecas pri “Sosoeĉjo kaj Helmut” – humuraĵoj pri kantanta sciuro kaj kolera idisto en www.RadioVerda.com. Li tre interesiĝas pri lingvoj kaj parolas multajn, inkluzive kelkajn planlingvojn. Krome, Tomaso estas estrarano de Esperanto-Ligo por Norda Ameriko kaj patro de tri denaskaj esperantistoj.**

***– Saluton, kaj dankon pro via konsento doni intervjuon! Diru, ĉu via okupiĝo pri Esperanto naskiĝis el via ĝenerala scivolemo pri planlingvoj, aŭ male – vi unue fariĝis esperantisto, kaj poste ekinteresiĝis pri aliaj planlingvoj?***

– Mi lernis Esperanton unue, parte pro scivolemo pri artefarita lingvo ĝenerale, sed ankaŭ ĉar mi volis vojaĝi pere de la Pasporta Servo. Poste mi fariĝis kvazaŭ maniulo pri lingvoj (lernante aŭ lernetante ĝis 18 diversajn), sed dum longa tempo mi aktive evitis la aliajn planlingvojn, ĉefe ĉar mi ne volis doni la impreson al neesperantistoj, ke mi estas simple diletanto pri planlingvoj. Mi volas, ke la homoj ĉirkaŭ mi en mia ĉiutaga vivo sciu, ke mi okupiĝas pri Esperanto, ĉar ĝi havas praktikajn avantaĝojn jam nun.


ĴENJA AMIS

Tomaso dum la estrarkunsido de ELNA

Mia unua paŝo al la aliaj helplingvaj projektoj estis iom kontraŭvola. Dum mi klopodis ellerni Esperanton, mi vidadis mesaĝojn en *Interlinguo* (“Interlingua de IALA/Gode” – foje ankaŭ nomata “Interlingvao”), kiujn mi penis legi, sed ne bone komprenis malgraŭ la pretendo, ke klera persono povas legi ĝin sen antaŭa studo. Poste mi lernetis la francan, italan kaj latinan, kaj post kelka tempo mi revenis al *Interlinguo*, kiun mi ĉi-foje kapablis legi helpe de miaj scioj de Esperanto kaj la diversaj latinidaj lingvoj. Tiam mi decidis, ke ja indus malgranda peno por lerni la lingvon. Mi faris liston de cent oftaj vortoj, kiujn mi ne jam konis pro Esperanto aŭ aliaj lingvoj. Mi celis nur lerni por pli bone kompreni la mesaĝojn, kiujn mi ricevis, sed subite mi konstatis, ke mi kapablas ankaŭ skribi la lingvon.

Dum certa tempo mi hontis pri mia kapablo en *Interlinguo* kaj kaŝis ĝin, ĉar mi frontas de tempo al tempo antaŭjuĝon fare de esperantistoj, kiuj supozas ke ne eblas regi Esperanton kaj *Interlinguon* samtempe. Krome, tre ofte kuspas min la kontraŭesperantista antaŭjuĝo de la interlinguanoj. Finfine, tamen, mi decidis, ke lingvo estas lingvo kaj mi estas mi. Mia ĉefa dua lingvo restas Esperanto, sed mi lernas ankaŭ aliajn lingvojn – kelkajn naciajn, kaj de antaŭ kelkaj monatoj ankaŭ Volapukon.

***– Antaŭnelonge mi legis artikolon kun la nomo “Kial mi lernis la universalan lingvon, kiun neniu parolas” – temis pri Volapuko. Kvankam ankaŭ ni esperantistoj devas ofte respondi similajn demandojn, ni ja havas grandajn tutmondajn asociojn, centojn da eldonaĵoj kaj dekojn da miloj da libroj, ĉiujarajn kongresojn kun miloj da partoprenantoj kaj kelkdek miloj da artikoloj en Esperanta vikipedio (kompare al ĉ. 50 en Volapuko). Sed Volapuko ja ne havas ion el tiuj – kial do vi lernis la lingvon kun sufiĉe malfacila gramatiko kaj nerekoneblaj vortoj, kiun parolas laŭlitere manpleneto da homoj – ĉu el la lingvistika kaj/aŭ historia scivolemo, aŭ?..***

– Jes, mi konas tiun ĉi artikolon. Grandparte pro ĝi mi komencis lerni Volapukon. Mi tre serioze lernis, sed en la lastaj semajnoj mi okupiĝas pri aliaj aferoj. Por mi la plej bela afero pri Volapuko estas ke ĝi vere estas parto de nia Esperanta historio. Zamenhof nomis Pastron Schleyer la “vera patro de la tuta internacilingva movado”. Lernante Volapukon mi povas imagi, ke mi vivas en 1888 kaj pretiĝas por la fama tria volapuka kongreso de 1889, kiam la unuan fojon en la historio internacia kongreso parolis internacian lingvon.

**Lernante Volapukon mi povas imagi, ke mi vivas en 1888 kaj pretiĝas por la fama tria volapuka kongreso de 1889, kiam la unuan fojon en la historio internacia kongreso parolis internacian lingvon.**

Volapuko fakte ne estas tiel malfacila, kiel oni kutime kredas. Multaj esperantistoj scias, ke la nomo de la lingvo venas de “vol” (*world*/mondo) kaj “pük” (*speak*/lingvo), kaj de tio oni supozas, ke la vortoj ne estas rekoneblaj. Fakte multegaj vortoj estas samaj kiel en Esperanto. Aliaj estus konataj se vi parolas aliajn eŭropajn lingvojn, eĉ sen profunda studo pri la lingvo.

Por mi la plej interesa afero pri volapuko, tamen, estas ke ĝi neniam vere malaperis. Ĉiam estas volapukistoj, volapuka movado kaj nerompita vico de movadestroj de Schleyer ĝis la nuna “cifal” (movadestro) kaj lia posteulo. Mi vidis Volapukon kiel eblon por vere tuŝi tiun historion.

***– Kiom da homoj entute parolas Volapukon? Ĉu ekzistas vortaroj, lernolibroj, asocioj, kongresoj?.. Ĉu vi iam parolis en Volapuko kun alia persono “vive”?***

– Pri la nombro de parolanto, kompreneble, tio dependas de nia difino de “parolanto”, same kiel por Esperanto. Oni diras, ke eble estas dudek parolantoj. Certe estas pli ol tio se enkalkuli tiujn, kiuj kapablas kunmeti kelkajn vortojn en la lingvo (kiel mi), sed verdire, mi iom dubas, ĉu estas eĉ 20 vere fluaj parolantoj de la lingvo.

Ja haveblas vortaroj kaj gramatikoj – tiuj de Cherpillod estus aparte utilaj por esperantistoj. Atentu, tamen, la diferencon inter nova kaj malnova Volapuko. Hodiaŭ oni kutime lernas la novan, sed kelkaj lernolibroj pri la malnova haveblas en la reto. Nur Esperanton (kaj kelkajn naci-

ajn lingvojn) mi uzas vive. Mi neniam aŭdis pri volapuka renkontiĝo kun pli ol tri personoj. Mi iam renkontis interlinguanon, sed en tiu tempo mi hontis diri pli ol kelkajn vortojn en *Interlinguo*.

***– Rakontu pri viaj aliaj planlingvaj interesoj! Mi scias, ke vi okupiĝas pri Intal – kio fakte ĝi estas, ĉu vi povus rakonti pli?***

– Krom *Interlinguo*, mi posedas kelkajn librojn ankaŭ en Ido, kvankam mi neniam vere lernis ĝin. La "internaciaj lingvoj" fakte tre similas unu la alian, kaj kiam oni povas legi du el ili, oni povas legi ĉiujn. La problemo pri tiuj aliaj lingvoj estas ke la diverseco de proponoj kreas novan Babel-turon, dum la unuopaj movadoj ĝenerale volas forigi Babelon.

Mi ne konas la tutan historion, sed en la sepdekaj jaroj, planlingvemulo eldonis gramatikon de nova helplingvo kun la celo unuigi la diversajn projektojn. La aŭtoro nomiĝis Erich Weferling, kaj li nomis sian projekton *Intal* (mallongigo de INTernational Auksiliari Lingue). Ĝenerale tiaj projektoj ne tiel interesus min, sed kiam mi legis, ke la lingvo ne havas propran vortaron, mi volis provi ĝin.

Weferling fiksis la plej oftajn vortojn de la lingvo, sed por la aliaj vortoj li donis nur kelkajn regulojn por prunti vortojn el la vortaroj de la diversaj projektoj. Tre ofte la vorto havas la saman formon en *Intal*, sendepende de la formo de la vorto en la fonta lingvo. Ne ĉiam, tamen. Ekzemple, por diri "mi volas trinki akvon", oni povas diri "me vol trinka akve" se oni uzas vortaron de Esperanto. Se oni havas alian vortaron, la vortoj "me", "vol", kaj "akve" restus samaj, sed eble la vorto por "trinki" estus "drinka" aŭ "biba", sed tiaj diferencoj estas maloftaj, kaj ne tiel malhelpas komprenon.

Kiam mi skribas en Intal (mi ja neniam parolis ĝin) mi ĝenerale verkas mian tekston unue en Esperanto kaj poste mi "tradukas" ĝin en *Intal*-on. Weferling, laŭ mia scio, revenis al Esperanto antaŭ sia morto, sed de tempo al tempo oni vidas adeptojn de liaj ideoj. Estas strange, tamen, ke tiuj adeptoj apenaŭ verkas en la lingvo. Mi, esperantisto, verkas pli.

***– Ĉu la interesiĝo pri aliaj planlingvoj ne "forlogas" vin de Esperanto? En kiu lingvo vi parolas kun viaj infanoj?***

– Nu, mia trijaraĝa filino foje ŝatas imiti miajn prononc-ekzercojn pri Volapuko aŭ eĉ saluti en Volapuko – eblas aŭdi tion en Radio Verda <www.radioverda.com> en la 54-a kaj 64-a epizodoj – sed verŝajne vi scias, ke ni parolas Esperanton hejme. Tion ni faras de antaŭ la naskiĝo de nia unua infano, kiu nun havas ses jarojn. Do Esperanto havas fortajn radikojn ĉe ni. Vere, mi pensas ke estas pro mia ĉiutaga entrepriĝo en Esperanton ke mi sukcesis ellerni *Interlinguon* (kvazaŭ kontraŭvole). Oni diras, ke Esperanto malfermas pordojn al aliaj lingvoj. Iom ironie, ĝi malfermis la pordon por mi al *Interlinguo*.

**De tempo al tempo mi ekkonas esperantistojn, kiuj scivolas, ekzemple, pri *Interlinguo*. Post kelkaj monatoj mi aŭdas, ke la koncerna persono jam ne nomas sin esperantisto. Tio vere malgajigas min, pro diversaj kaŭzoj. Unue, oni verŝajne forgesas, ke eblas lerni kaj uzi pli ol unu lingvon.**

Aliflanke, de tempo al tempo mi ekkonas esperantistojn, kiuj scivolas, ekzemple, pri *Interlinguo*. Post kelkaj monatoj mi aŭdas, ke la koncerna persono jam ne nomas sin esperantisto. Tio vere malgajigas min, pro diversaj kaŭzoj. Unue, oni verŝajne forgesas, ke eblas lerni kaj uzi pli ol unu lingvon**.** Lernante la germanan en universitato, mi ne ĉesis esti anglaparolanto, kaj lernante Esperanton mi ne ĉesas uzi la germanan. Kial oni devus ĉesi okupiĝi pri Esperanto por lerni *Interlinguon*?



La ĉef-paĝo de 'Vükiped'

Pli malgajige estas, ke ŝajne tiuj eks-esperantistoj forgesas, ke tre grava afero pri lingvo estas la komunumo, kiu parolas ĝin. De mia sperto mi konkludas, ke la aliaj planlingvoj havas la samajn malavantaĝojn kiel Esperanto pro malgrandeco, sed neniujn el ĝiaj advantaĝojn pro grandeco.

**Aliaj planlingvoj havas la samajn malavantaĝojn kiel Esperanto pro malgrandeco, sed neniujn el ĝiaj advantaĝojn pro grandeco.**

***– Vi scias multon ankaŭ pri la malakceptita Esperanto-reformprojekto de 1894. Rakontu pli pri tio!***

– Tre malmultaj esperantistoj scias, ke Zamenhof eldonis tute novan version de Esperanto. "Malakceptita" ne estas la ĝusta vorto – eble ni diru "mortnaskita". Zamenhof ne volis proponi ĝin kaj neniam esperis ĝian sukceson. Se oni serĉas informojn pri ĝi en la reto, la trovitaj informoj venas plejparte de idistoj, aŭ de citaĵoj laŭ idistaj fontoj. La esperantistaj respondoj pri la aferoj (plejparte citaĵoj el privataj leteroj de Zamenhof) unuavide ŝajnis iom, ni diru, memtrompaj, kaj pro tio mi volis pli profunde esplori la aferon.

Se oni kredas la plej oftajn pretendojn pri la reformprojeko, Zamenhof "volis" forigi la akuzativon, la ĉapelitajn literojn, la pluralan adjektivon kaj la korelativojn, kaj krome, signi pluralan nomon per *-i*, jam ne per *-oj*.

Mallonge, oni povus kredi, ke jam en 1894 Zamenhof volis krei Idon, sed la kompatinda majstro "cedis" al la volo de la tiamaj esperantistoj. Kiam oni legas la originalajn tekstojn en kunteksto, oni vidas, ke estis male.



INTERRETO

726.

„The Times-Richmond", Va., U. S. A.

(1898, 2. 13; No. 5, p. 9, kl. 4, 5.)

The World Language.

The Great Advantages to be Derived from „Volapük."

Volapük, the new universal language, which is meeting with much favor in Europe, is the result of twenty years of laborious research on the part of its inventor, Joh. M. Schleyer, of Constance (Baden). This language deserves to be propagated and used all over the world, because its advantages are exceedingly great and its usefulness is of the highest importance. It is a scientific, international language, not to supercede any living language, but to be learned next to the mother tongue by every educated person. It is formed on the general model of the Aryan family of languages, selecting from each the true and beautiful, discarding irregularities, oddities and difficulties.

Its great merit lies in its simplicity, which causes it to be very quickly learned, and to be especially adapted to the needs of trade between different nations. This

Artikolo en "The Times Richmond" (Virginio, Usono, 1898): "La monda lingvo. Grandaj avantaĝoj ricevendaj de Volapuko"

En la unuaj jaroj de Esperanto, nia Movado dependis de la financa helpo de nur kelkaj riĉuloj. Unu el ili, W. H. Trompeter, uzis sian influon por devigi al Zamenhof verki la reformon. Jam en 1892 Zamenhof klarigis en "La Esperantisto", ke Trompeter volis kelkajn ŝanĝojn, kiujn Zamenhof mem ne aprobas. Tiuj ŝanĝoj estas la koro de la reformo de 1894.

Preparante prelegon pri la reformo, mi verkis mallongajn tekstojn en ĝi. Tio estis lerniga. Ekzistas neniuj aliaj tekstoj en la reformprojekto, krom nova versio de la "patro nia", kiun mi trovis lastatempe en Vikipedio, sed ankaŭ ĝi enhavas erarojn. Se la reformo estas tiel bona, kial neniu almenaŭ verketas en ĝi? La aŭtoro mem ne verkis tekstojn. Se idisto kontrolus la reformon, li scius, ke Ido pli similas nereformitan Esperanton ol la reformon de 1894. En kelkaj lokoj estis malfacile verki nedubosencan tekston. En la formo mem de la reformo eblas vidi, ke ĝi ne venis de la sama menso, kiu kreis Esperanton de 1887. Vidinte la tutan kuntekston, mi nun kredas tion, kion Zamenhof skribis en siaj privataj leteroj – ke li ne volis verki reformon, sed tion li faris por kontentigi la reformemulojn, kaj por sciigi al ili, ke la plimulto de la esperantistoj ne volas reformi la lingvon.

Foje mi pensas, ke estus bone verki lernolibron pri la reformo. Ĝi ja estas parto de nia historio, kaj se pli da esperantistoj scius pri ĝi, ni estus malpli kredemaj pri la idista versio de la afero. Aliflanke, mi hezitas, ĉar en la postaj jaroj Zamenhof neniam libervole parolis pri la projekto. Li vidis la tutan jaron 1894 kiel grandan tempo-malŝparon por la Movado. Mi same vidas la aliajn movadojn – sed samtempe mi agnoskas, ke ni ja bezonas distraĵojn kaj amuzajn manierojn por malŝpari la tempon.

Intervjuis Ĵenja Amis

Vizitu la retliston, kiun estras Tomaso Alexander: <http://groups.google.com/group/bablo>; por aboni, sendu malplenan mesaĝon al <bablo-subscribe@googlegroups.com>

# Kial la okcitanoj "ne komprenas" la lingvon de trobadoroj

*Ferriol Macip i Bonet, Katalunio*

**De antaŭ pluraj jarcentoj la diversaj francaj registaroj celadas malaperigi ĉiun lingvon de la ŝtato krom la franca. Diversaj metodoj estis uzataj por malaperigi tiujn lingvojn. En la 20-a jarcento la lingva anstataŭo okazis subite, ofte familioj pasis de nur okcitanlingva generacio al nur franclingva generacio tra nur unu dulingva meza generacio.**

De 1992 ĝis 1996 mi laboris en Okcitanio kiel grupestro en someraj tendaroj, kies celo estis ke la partoprenantaj adoleskantoj kaj infanoj alkutimiĝu al la okcitana. Kelkaj gepatroj konsideris oportune ke la gefiloj ekkonu kaj komprenu la lingvon de la geavoj – tiel ili povus pli bone interkompreniĝi. Oni serĉis sudkatalunajn grupestrojn pro tre klara kialo: ĉar ili ne estas francianoj, ili ne estas devigitaj scipovi la francan; krome kataluno kapablas paroli la okcitanan post malmulta lernado, ĉar sufiĉas alkutimiĝi al alia akĉento kaj uzi pli da arkaismoj. La du lingvoj estas ege similaj, eĉ laŭ kelkaj fakuloj la kataluna estas la okcitana.

En tiu ĉi artikolo mi prezentas kelkajn anekdotojn, kiuj bildigas la socian situacion de la okcitana lingvo.

## "Désolé monsieur, mais j'y peux rien faire"

Post iom da tempo en Okcitanio mi rimarkis, ke okcitanlingvanoj ŝajne kondutas pli malĝentile, ol franclingvanoj. Ili multe uzas fivortojn kaj sakraĵojn kaj parolas laŭtvoĉe. Male, kiam oni uzas la francan, oni estas ekstreme ĝentila. Viro salutinta per ĝentila "bonan tagon sinjoro", same salutis okcitane per esprimo kiel: "Mil dioj! He! Vi! Ĉu ĉio bone? Fek' al Di'! Putinista putinido!" Ĉio dependas de la uzata lingvo.

Ĉiukaze, dum mi bonvole petadis interkompreniĝon en la okcitana pro mia nescio de la franca, kutime oni respondis al mi per la sama esprimo: "*Désolé monsieur, mais j'y peux rien faire*"*. En la okcitana tio sonus pli rekte kaj trafe: "Forfikiĝu"! Tiun esprimon mi ofte aŭdis.

## "Est-ce-que vous toujours parlez comme ça?", aŭ repertuaro de koleriĝoj







Sentagabela : La malmultaj dulingvaj urbaj afiŝoj montras ke la francigo de la lando implicas ĝian senkulturigon

Tre ŝokis min, ke la okcitanlingvanoj tute ne konscias, ke la okcitana estas lingvo. Ili kredas, ke ili parolas nur unu lingvon: la francan. Oni konsideras la okcitanan nur lingva tavolo. Kaj oni ne konas la nomon de la lingvo, oni nomas ĝin "patois" [patŭa] france aŭ "patoés" [patues] okcitane. Tiu vorto signifas dialekteron, lingvaĉon, fiĵargonon aŭ aĉan parolmanieron.

Tia socia situacio igas la homojn koleriĝi, se oni alparolas iun okcitane, ĉar oni taksas la agon malĝentila. Homoj ŝajnigas ne kompreni, kelkaj kritikas aŭ insultas, aliaj krias kolere kaj la plej kleraj homoj pedagogie instruis al mi, ke mia agado estas tute maldemokratia.

Unu el la plej kortuŝaj anekdotoj mi spertis en langvedoka** urbeto. Mi eniris malnovan panvendejon, kies aspekto montris, ke ĝia pano estas tradicie farita kaj bongusta. En la vendejo troviĝis nur nigre vestita maljunulino. Mi mendis de ŝi grandan panon kaj, ĉar mi ne kunportis sakon, bonvole petis paperpecon por porti la panon volvita. Ŝi donis ĉion al mi dum ŝi emocie ripetadis miajn okcitanajn frazojn kaj klopodis konversacii pri kio ajn; ŝiaj okuloj malsekiĝis kaj tre simpatie adiaŭis min per ĝentila okcitana esprimo "adissiatz" (ĝis revido). Mi ne havis tempon eliri el la vendejo, kiam mi ekaŭdis virinon, kiu kuris kapti min kaj diris laŭtvoĉe kaj kolere: "*Est-ce-que vous toujours parlez comme ça?*" (ĉu vi ĉiam parolas tiel?) kaj subite aperis ŝi, kvardekkelk-jarulino, kiu ŝajne estis la filino. Franclingve kaj kolere ŝi riproĉ-admonis min. Ŝiadire, multajn jarojn ili bezonis por franclingvigi la avinon, ili penadis ke ŝi ne plu parolu okcitane. Kaj nun mia fia ago fuŝis la cerbolavadon de la maljunulino.

## Honto kaj moko

Tamen, la plej ofta reago, kiam mi eniris kiun ajn publikan ejon kaj ekparolis la okcitanan, estis ridetoj, oni ripetis miajn vortojn ridante, kvazaŭ mi iun mokus.

Iun tagon mi vidis maljunan paron transportantan pezan sakon kun siaj aĉetaĵoj. Mi proponis mian helpon, sed ili reagis forkurante, dum la viro diris al la virino, ke mi mokas ilin. Mi ne mokis, mi nur parolis en la okcitana.

Alian tagon amiko kaj mi perdiĝis en vojkruciĝo kaj ni tute ne sciis, kiudirekten iri. Antaŭ domo staris viro, al kiu mi tre ĝentile, sed okcitane, klarigis nian situacion, nian nekonon de la franca kaj nian help-bezonon. Li konsentis klarigi la vojon, sed li vokis la edzinon por ke ŝi parolu. Li ne povus elteni la honton paroli okcitane kun nekonatoj.

Tiu honto estas mirinde disvastiĝinta, kaj ĝi ofte ligiĝas al forta malestimo por la lingvo, kiun ensorbadas eĉ ĝiaj parolantoj. Viro, kiun mi jam antaŭe konis kaj kiu ĉiam asertadis tute ne paroli la okcitanan, flue regis la lingvon de la trobadoroj, kiam mi renkontis lin en bovin-foiro. Denove li asertis, ke li tute ne parolas la lingvon, krom en tiu ĉi momento, ĉar bovino ne aĉeteblas per la franca. Stranga lingvo estas tiu, kiun oni laŭdire lernas kaj perfekte regas nur en bestofoiroj.

## "In vino veritas" aŭ la aferoj ŝanĝiĝas post kelkaj glasoj da vino

Bordelha estas urbeto en la regiono Perigòrd, proksime al Limoĝo, kien ni iris por ĝui ĝiajn festojn kaj aŭdi la lokan dialekton de la okcitana lingvo. De la mateno ĝis la vespero ni trairis la tutan urbon, vizitis ĝiajn mirindaĵojn, parolis kun la homoj, manĝis en restoracioj, kafumis en kafejoj, trinkis en trinkejoj kaj eĉ aĉetis en vendejoj. Nenie ni aŭdis la okcitanan.

Nokte, post la unua koncerto, aperis la unuaj ebriuloj parolantaj, kantantaj kaj festantaj en perfekta okcitana. Ju pli oni ebriiĝis, des pli la okcitana estis aŭdebla. Estis plezurego paroli kun ĉiuj, kunkanti kaj kunfesti. La limoĝa dialekto tre plaĉis al mi. Kelkaj vokis la junulojn por montri, kiel malkleraj ebriaj plenkreskuloj kapablis interkompreniĝi kun eksterlandanoj kaj ili ne. Maljunuloj fieris.

La morgaŭan tagon ni denove trairis la urbeton. Neniu parolis la okcitanan. La homoj hieraŭ parolintaj la okcitanan absolute neis la fakton. "Hieraŭ ni parolis france samkiel ĉiam, eble vi tro drinkis", – ili asertis.

Tiu starpunkto ne estas stranga. La sekreton de la vino mi jam sciis de antaŭe kaj eĉ foje uzis ĝin, t.e. paroligi la homojn okcitane dum ebrio. En la plimulto de la okazoj, kiam iu konstatas, ke li parolis la okcitanan, kutime tiu asertas, ke neniam antaŭe parolis tiun lingvaĉon. Tamen, la perfekta rego de la lingvo, ties akĉento kaj neniom da franceco klarigas, ke tiu homo sufiĉe ofte uzas la lingvon familie.

## La bedaŭra senespero de sinjorino Margarida

Amiko mia kaj mi troviĝis surstrate en tre malgranda urbeto en la pirenea valo Aspa. Ni interparolis, kaj unu el ni diris proverbon, dum hazarde preterpasis urbano. La viro ne povis kaŝi sian miron kaj ni ekbabilis pri okcitanaj proverboj. La konversacio estis tre interesa, kaj ni fine komparadis la gaskonan kaj la katalunan proverbaron. Post tio ni translokiĝis en la trinkejon de la urbo, kaj tie estis sinjorino Margarida, kies lingva penado tre kortuŝis min.

S-ino Margarida estas maljuna virino estranta la solan trinkejon de la urbeto. Ŝi manĝigis kaj trinkigis la lokanojn dum multaj jaroj kaj ŝi konis ĉiujn homojn de la regiono. Kiam ŝi vidis ke ni,

**Li ne parolas la okcitanan krom en tiu ĉi momento, ĉar bovino ne aĉeteblas per la franca.**

dudekkelk-jaraĝaj junuloj el Barcelono, parolis la okcitanan tute nature, ŝiaj okuloj pleniĝis je larmoj.

Post la emocioj, s-ino Margarida dekroĉis la telefonon kaj tuj venigis sian filon. Ŝi montris al ni la filon: "Jen li", – ŝi diris. Poste ŝi malfermis fenestron kaj montris al ni urbeton starantan sur la antaŭa monto. "Ĉu vi vidas tiun ĉi vilaĝon?" – ŝi demandis. "Do li, mia filo, kaj knabino de tie geedziĝis. Ĉu vi povas kredi, ke mia filo kaj mia bofilino interparolas france? Ĉu vi povas kredi, ke miaj nepoj alparolas min france?"

Ŝi riproĉis la filon. Eksterlandanaj junuloj estas al ŝi malpli fremdaj ol ŝia filo.

## Neniel telefone!

Eble la plej ŝoka anekdoto okazis al mi tre proksime al Tuluzo. Mi akompanis s-rinon Leà viziti ŝian fratinon. Revene, s-rino Leà konstatis, ke ŝi forgesis sian mansakon ĉe la fratino kaj decidis telefoni al ŝi. Post la telefonvoko mi demandis ŝin, kial ili parolis france telefone, kvankam antaŭ kelkaj minutoj ĉe la fratino ili komunikiĝis en la okcitana. Ŝi klarigis, ke ili ja interparolas okcitane, sed telefone preferindas ne fari, ĉar la telefono povus panei.

## Lingvo de malkleruloj

Bonŝance, niaj tendaroj estis sukcesaj, kaj ĉiun jaron al ili aliĝis pli kaj pli da homoj. Ni bezonis plian grupestron kaj ni publikigis anoncon en gazeto. La reklamo invitis junan grupestron regantan la okcitanan. Pluraj homoj respondis la anoncon kaj ni intervjuis ĉiujn. Multaj el ili lernis la okcitanan en mezlernejo; ĝi estas fakte nedeviga elektebla lernero en manpleno da lernejoj. La intervjuitoj ne scipovis la lingvon, sed sciis nur kelkajn vortojn. Tamen aperis knabo, kiu honte diris al ni, ke li ne scipovas la okcitanan, sed hejme li parolas "fiĵargone". La tutan intervjuon ni faris okcitane, kaj li parolis perfekte.

Kaj la fakto estas ke la okcitana estas la lingvo de la malkleruloj, la lingvo uzata de la lernejaj malsukcesintoj (kaj eble la fakto, ke ili estas nefranclingvaj ne fremdas al tiu malsukceso). Ĝi ankaŭ estas la lingvo de la ebriuloj kaj de la malkleraj krudaj kamparanoj.

En la regionoj, kie la lingvo ankoraŭ estas sufiĉe viva, la pastroj en kateĥizado instruadas, ke paroli "fiĵargone" estas peko, kaj en la lernejoj oni instruas, ke paroli tiun lingvaĉon estas afero malpura, maldeca kaj maldemokratia.

## "Soyez propres, parlez français" aŭ la malboniga influo de "l'Education Nationale"

Francio estas la lando de la demokratio kaj la homaj rajtoj. La lando de la libereco, la egaleco kaj la frateco. Francio fakte estas la plej perfekta lando de la mondo; ĝi havas harmonian heksagonan formon, ĝi havas tiom da monta surfaco kiom da ebena, ĝi havas tiom da kontinenta landlimo kiom da mara. Krome ĝi situas en meza

**La registaro ne kontraŭas la instruadon de la okcitana; sed se oni instruas ĝin, oni faru tion demokratie, t.e. ekster la lernotempo, partoprenu nur la interesatoj.**

latitudo inter la norda poluso kaj la ekvatoro. Tion oni instruas en la franciaj lernejoj.

En kelkaj regionoj, kie lingvo ne franca mirakle ankoraŭ pene transvivas, lernejoj ankoraŭ konservas la devizon "soyez propres, parlez français" (estu puraj, parolu france). Prezentite per grandaj literoj ĝi legeblas en lernejaj kortoj. Krome, la devizo "liberté, egalité, fraternité" (libereco, egaleco, frateco) legeblas kie ajn. Ĝi memorigas al la loĝantaro unu el la plej gravaj instruoj de la franca eduksistemo: Francio estas la lando de la demokratio.

Lernejanoj klare lernis, ke paroli okcitane estas maldemokratia afero, ĝi disigas la francojn kaj memorigas la antaŭrevoluciajn tempojn de la tiranio.

La franca registaro neniam malpermesis la okcitanan. Ne. Tutsimple la nacia eduksistemo marteladas, ke estas nekonvena afero ĝin paroli. La registaro ne kontraŭas ĝian instruadon; sed se oni instruas ĝin, oni faru tion demokratie, t.e. ekster la lernotempo, partoprenu nur la interesatoj, kaj se patro kontraŭas, oni nuligu la lerneron. Se iam en bazlernejo finfine oni sukcesas ĝin instrui, la instruisto estos sendita venontkurse en neokcitanlingvan regionon de Francio, pro kiu ajn demokratia kialo.

En mezlernejoj oni rajtas instrui la okcitanan, se oni elektas tion. Pasintjare 20 instruistoj estis bezonataj laŭ petoj de mezlernejanoj. Tamen nur kvar postenoj estis oficiale malfermitaj.

En Okcitanio ekzistas la t.n. "Calandretas", t.e. lernejoj kie oni instruas okcitane. Ili malmultas, unu por ĉ. 350 mil okcitanoj***, kaj ricevas neniun monhelpon de la ŝtato. Oni subtenas instruadon en eksterlandaj lingvoj, sed okcitana ne estas eksterlanda, oni subtenas la francan instruadon, sed la okcitana ne estas la franca. "Désolé monsieur, mais j'y peü rien faire", t.e. forfikiĝu!

* mi bedaŭras, sinjoro, sed mi povas fari nenion
** Langvedoko – regiono de Okcitanio, ĉirkaŭ Tuluzo kaj Montpeliero
*** Entute estas 12 milionoj da okcitanparolantoj – E-Vikipedio



Aran: En Valo Aran, okcitanlingva teritorio en Hispanio, la okcitana estas oficiala lingvo

# Esperanto – la plej riĉa!

*Anatolo Gonĉarov, Rusio*

**Esperantistoj povas esti diversspecaj, depende de la kvanto de la tempo kaj energio dediĉitaj al la lingvo. Mi apartenas al tiu ega malmulto, kiu faris Esperanton sia dua, post la gepatra, ĉefa komunikilo kaj arta perilo. Preskaŭ ĉiuj miaj multegaj geamikoj estas en Esperantio, kaj ni, favore al Esperanto, neniam uzas inter ni la gepatran lingvon.**

De antaŭ dekoj da jaroj mi legas ruse nur politikajn novaĵojn, kaj ĉio beletra kaj eksterpolitika estas legata en Esperanto. Se mi legis ruse bonajn librojn, mi ĝuis ilin nur en la senco de la enhavo. Per rusaj naciaj diraĵoj kaj proverboj k.s. ne eblas min mirigi, mi ja de la infaneco ĉion ĉi aŭdis/legis plur-plurajn fojojn. Kiam mi legas beletraĵon en Esperanto, mi ĝuas ĝin ne nur enhave, sed ankaŭ lingvaĵe. Jen mi legas ekzemple libron (rakonton, artikolon k.s.) de iu germana aŭtoro aŭ tradukisto, kaj mi sentas, ke la germanoj estas ofte alipensaj homoj ol la rusoj. Ekzemple, mian atenton kaptis la esprimo: *"En la urbocentro ekzistis kelkaj malbonaj onidiroj pri tiu ĉi sinjoro, kiuj neniam densiĝis al akuzoj"* [1]. La rusoj neniam transdonos la saman sencon tiel belege, fakte popaŝe: jen pli densa, denove pli densa, sed ankoraŭ ne akuzo... En la rusa lingvo, rusa pensmaniero entute ne ekzistas densiĝo de onidiroj ĝis apero de akuzo. Alia ekzemplo: *"... ĉu la sinjoro fianĉiĝis...? demandis la sinjorino , dum la miro gutis de ŝia vizaĝo"* [2]. Kiam mi renkontas similajn malruseskajn esprimojn, mi vere ĝuas ilin, ja aperas ĉi-kaze en la imago miro-gutoj, kiuj absolute ne ekzistas en mia lando, mia lingvo! Sed tiel pensas la nederlandanoj.

Italoj kaj hungaroj povas diri: "*... sed tio kostas pipre"* [3]. La rusoj dirus: "*... sed tio kostas ne laŭ la poŝo",* kompreneble, ja la rusoj ekkonis pipron multe pli malfrue ol la pli sudaj popoloj.


KOMPLEZE DE UEA

Spomenka Ŝtimec

En kelkaj eŭropaj landoj estas normale diri "*... ne mankas personoj por partopreni tiun opinion"*, sed la rusoj *tenas alian opinion*, sed *partoprenas* nur *kunsidojn* kaj aliajn ago-aferojn.

Mi legis la elstraran hispanan verkon [4] ruse kaj Esperante. Ho, ja aperis du tute malsamaj Don-Kiĥotoj! En unu verko la ĉefheroo (kaj ĉiuj aliaj) parolis al mi en la rusa lingvo. En la alia verko neniom da ruseco, sed inundis mian menson io tute alia, ne rusa (fakte, hispana), sed tute komprenebla kaj kun multaj ĝuindaj lokoj, kiuj ne eblas laŭ la rusa pensmaniero: *"... ĝuis la floron de miaj faroj", "... ripari la fuŝon...", "formetu en la keston de forgeso"* (en la ruslingva traduko de la libro: *"formeti flanken"*), "*... frapi per pugno la ĉielon", "... la stomako portas la koron, ne la koro stomakon"* (filozofibrile) (p. 653); *"... kiam la koro tro plenas, ĝi elverŝiĝas per la buŝo"* (p. 457); "*... finiĝas la pano, adiaŭ, kompano"* (p. 432); "*... La stulta pli konas ĉe si ol la saĝa en fremda domo"* (p. 632) kaj multaj aliaj.

Mi donis ekzemplojn el Eŭropo, sed ni iru orienten. Ho, kiom interesa estas la pensmaniero en Oriento!

Ĉinio: *"Mi falis en grandan miron"* (komparu kun la supra nederlanda esprimo pri miro), "*... rigardo balais la vizaĝon...*" el [5]; *"... ĉu povas troviĝi ovoj sendifektaj, se la nesto estas renversita"* (p. 258); "*... Konsternitaj kiel hundoj perdintaj sian mastron"* (p. 84); "*... Starante sub malalta tegmento, oni ne povas ne klini la kapon"* (p. 22).

Koreio: *"... fleksi la veron"* (en Rusio oni fleksas nur draton, branĉon aŭ piedon...); "*... Do komenco kuntiras finon"* [6]; *"... indiferenta kvazaŭ maljuna arbego sur montopinto"* [7]; *"La homoj preferas bonan manĝaĵon al bona vidaĵo* [8]; *"rizospiko klinas sian kapon des pli malsupren, ju pli matura kaj granda ĝi estas"* [9]. (Atentu la tro-rektomensaj "dignuloj" la orientan saĝon). Japanio: *"... serĉante vivrimedon... li apenaŭ povis ameli al si la buŝon"* [10]; "*... eĉ simio falis de sur la arbo"* [11]; *"La granda rado sin turnas tro malrapide"* [12].

Mi senpacience atendas la tempon, kiam afrikaj esperantistoj komencos verki Esperante kaj traduki en Esperanton sian beletron. Dume mia sliparo enhavas nur kelkon el la joruba lingvo, ekz.: *"Kia vulturo, tia simio. La vulturo kalvas ĉe la kapo, la simio ĉe la postaĵo"*. [13]

Mi senpacience atendas la tempon, kiam la islama mondo eklernos Esperanton kaj kiam aperos literaturaj tekstoj. Araba maksimo: *"Amiko estas flikaĵo: elektu laŭ la sama koloro"* [14]. Nur unu tradukon el la araba mi legis [15], sed kiom nekutiman por la rusoj pensokosmon mi konstatis. Mi donu nur du ekzemplojn: *"... ne romanon vi trovos ĉi tie, sed la efektivan realaĵon de simplaj personoj, kiuj sukcesas flori ĉe la marĉo kaj malgraŭ ĝiaj brakumantaj intencoj"* [p.13]; *"... mi trinkos amon kiel vinon kaj portos ĝin kvazaŭ veston"* [p.62].

Interesa konkludo iras sur la langon. Kiam E-verkisto verkas iun beletraĵon, li povas uzi naciajn diraĵojn ne nur de sia gepatra lingvo, ne nur la Zamenhofan E-Proverbaron, sed ankaŭ tutan aron da alinaciaj esprimoj trafintaj al E-beletro.

Oni povas esti intimaj Esperante aŭ ĉine: *"Lia rilato kun Huniŭ estas tiu de karno al karno, t.e. de la plej intima speco"* [16]; aŭ kroate: *"Sed li kaj la sekretario estas kune kiel fingro kaj ungo"* [17]; aŭ venezuele "*Ño Pernalete kaj Doña Bàrbara intimas kiel dentoj kaj lango"* [18]; aŭ hungare: *"Lina estos kun li; Koller jam ne dubis pri tio. Ili konvenos unu al alia, kiel la dentoradoj"* [19]; aŭ japane *"Japanio kaj Koreio estas tiel proksimaj najbaroj kiel inter dentoj kaj lipoj"* [20].


KOMPLEZE DE UEA

Marjorie Boulton

Se E-verkisto volas esprimi la profundecon de dormo, li povas diri: aŭ kiel hebreoj: *"Tiu knabo dormas kiel sako"* [21]; aŭ kiel poloj: *"La rikoltantoj, elĉerpitaj, sinkis en ŝtonan dormon"* [22]; kaj finnlingvanoj: *"Por vekiĝi al tumulto taga nokta strato dormas ŝtonprofunde"* [23]; aŭ kiel hungaroj: *"Dormi kiel pelto somere"* [24]; aŭ kiel japanoj: *"kaj preskaŭ ĉiu prenis du-tritagan profundan dormon de ŝarko"* [25]; aŭ kiel francoj *"Kiam ŝi juĝis, ke la juna leŭtenanto dormas sur ambaŭ oreloj, laŭ sia prozeca naturo, ŝi ellitiĝis..."* [26]; aŭ kiel hispanoj: *"Okazis alie kun Sancho Panza, ĉar tiel plenis la stomako, kaj ne per cikoria akvo, ke li dormadis unutire ĝis la mateno* [4, p. 69]; aŭ kiel rusoj kaj hispanoj *"dormi kvazaŭ marmotoj".*

Trioble pli da esprimoj bildigantaj profundecon de la silento mi prezentis en artikolo en *La Gazeto* [27].

Eble vi, karaj legantoj, mem povas diri, ke esprimeblo de Esperanto fariĝas pli riĉa ol en ajna nacia lingvo? Mi tion asertas surbaze de mia esprim-kolekto, kaj vi tion povos vidi abunde legante en Esperanto. La plejmulto da esperantistoj, bedaŭrinde, ne legas kaj ne povas do pruvi al la oponantoj mian supre cititan konkludon...

Alia vojo riĉigi la esprim-eblecojn de Esperanto estas pli lerta eluzo de la E-gramatiko. Iufoje dum la kunveno de la E-klubo en la siberia urbo Barnaul mi demandis unu klubanon, ĉu li plenumis unu peton. Li silentis. Mi redemandis: "Ĉu vi ne plenumis pro iu kaŭzo?" Dum estiĝinta silento alia klubano subite diris: "Ne kaŭzo estis sed kaŭzino!" La demandito iom ruĝiĝis kaj post kelkaj monatoj li konfesis, ke ja vere pro aminduma renkontiĝo li forgesis pri la peto.

La vorto *"kaŭzino"* tute ne ekzistas en la rusa lingvo. Kaj la klubano, kiu diris ĝin, konfesis, ke la vorto formiĝis-elflugis aŭtomate. Mi menciu, ke la klubanoj interkomunikiĝis inter si nur Esperante. Klube, strate, telefone ie ajn en la renkontiĝo ĉe ni tuj aŭtomate enŝaltiĝis la ling-

vo Esperanto. Perfekta posedo permesas al la mensoj aŭtomate produkti tre interesajn vortojn. Foje irante kun la edzino mi aŭdas de ŝi (ni parolis Esperante): "Anatolo, donu al mi vian monujon". Sen pensi mi respondis: "Bedaŭrinde, mi povas doni al vi nur senmonujon". La vorton "senmonujo" same kiel "kaŭzino" kaj milojn da similaj oni tre bone komprenas en la kunteksto. Kaj aŭdi tiujn estas vera ĝuo por la menso pro ties freŝeco-noveco.

Permesu ankoraŭ kelkajn ekzemplojn el plurcentoj, kiujn mi kolektis. Antaŭ tri jaroj mi loĝis en Sankt-Peterburgo. Kaj foje mi diris al E-amikoj: *"En tiu* ***varm****aĉa sudo mi soifis frostan vintron, tial en Sankt-Peterburg mi ofte surstratas vintre sen pelto aŭ varm-jako".* Oni tuj rimarkis: "Anatolo, vi ekzotikan vorton "varmaĉa" inventis!" Sed ja ne nur mi. Antaŭnelonge, en tre ŝatata de mi revuo *La Gazeto*, mi legis: "Post eliro nin ĉirkaŭas sufoka **varm**aĉo" [28]. En tute alia punkto de la planedo usonano kreis ja la saman vorton.

Oni povas uzi sufiksojn kaj prefiksojn en tute neatenditaj lokoj. Mi listas po nur unu ekzemplon de multaj sufiksoj/prefiksoj. Preskaŭ ĉiuj citaĵoj estas prenitaj el beletro aŭ revuoj. Por ne grandigi la artikolon mi ne donas ties referencojn (oni povas peti).

*Mi ne volas detal**ad**i tiun ĉi temon...*

*Ĉu eble ni estas am**aĵ**istoj?*

*... la ligna marioneto Pinokjo demetis sian lign**ec**on por fariĝi vera knabo.*

*Multaj timis pag**eg**i por interkontinenta flugo.*

*Dume, en poŝo – malvasta forges**ej**o...*

*Kelkajn temp**er**ojn poste alvenis alia trajno.*

*... – iu vent**id**o eknestas en la hararo de Anna.*

*Kaj mi komprenis, ke miaj romanoj ne fortemp**iĝ**is.*

*... ke ĝi malgrandiĝas, kiel lia vir**il**o.*

*Ital**ind**e belega eldono...*

*... tiel ke laponoj kaj bantuoj situas en la sama "Horzon**io**".*

*... oni tie stampas vian envenon en ŝengen**ion** – kaj fino.*

*Umas en lia prozo ne la kabinetaj, anekdotaj E-putinoj de Beaucaire, sed la matracul**in**oj anonimaj...*

***... dis**ĉifonis la kurten-nigron.*

*... korpvarma litaĵo molaĉe-ĉifa, vestoj **dis**planke ...*


ESPERANTA BIBLIOTEKO INTERNACIA

Don Miguel de Cervantes Saavedra

Don Kihoto

F. Pujulà y Vallès

"Kiam mi legis la elstaran verkon en la rusa kaj Esperanto – aperis du mal-damaj Don-Kiĥotoj!"

*... dum ĉiuj aliaj estis jam **ek**fraŭlinoj.*

*Hodiaŭ ni **mal**festas la sovetiiĝon ... de Estonio.*

Ĉiu adverbo sukcese uzeblas en Esperanto kiel prefikso.

*... vendistinoj estis malsveltaj virinoj kun fortaj pulmoj kaj Di-donita rajto ... **al**faŭki klientojn.*

*... ankaŭ li **al**pantoflis al n-ro 7.*

*En la kapo aperis **antaŭ**doloro.*

*... mia **ĉe**kusena legaĵo.*

*... estas trovitaj kelkcent ĉu**viva**j homoj.*

*Venu pliproksimen, etulinjo, severe el**denti**s li.*

*Subite en**brui**s paŝoj ...*

*... li jam **for**regalis plurajn amatinojn.*

*... kiam mi fosis, kaj triatage ne plu estis eble for**siteli** (akvon)...*

*La frazo sonis kvazaŭ magia tondro el feina **inter**dento.*

*... la plej longa kiso daŭris 54 horojn kaj 2 minutojn. La **kun**lipuloj, geedzoj Loreta kaj Linas ...*

*Unue li enmetis kompresoran tubon en **por**truon...*

***Post**komencanto estas – same kiel en tiu franca proverbo – io inter fiŝo kaj krabo.*

*Ŝi memorigis al mi, ke junaĝe mi ial **preter**amis ŝin.*

*Kvin minutojn poste, ŝi **pri**hurlis al li piĵamon."Senvestiĝu, vestu al vi la piĵamon"*

*... pro mia **sen**larmo dum la entombigo de ...*

*Kelkaj ideoj **sub**kuŝas viajn novelojn...*

*... interesiĝas, krom pri esperantologio, nur pri **sub**jupo kaj **sub**kalsono.*

*Mi sopiregas doni al vi **sur**nazon.*

*Estis larmoj ĉie, sur la **tra**kuseno, sur la ĉemizo...*

*Por **trans**ponti la problemon, li...*

*Mi estas **tuj**fara homo.*

Mi esperas, ke post legado de ĉi-artikolo, vi, karaj legantoj, pli atentos aĉeti-legi E-librojn, kaj eble same notos/kolektos la esprimojn, mankajn al via gepatra lingvo.



William Auld


1. *Bertolt Brecht*, tradukis K. Schulze. *Trigroŝa romano.* Gerlingen, 1977, p. 50.
2. Tjeerd Adema. *Dekkinga fuĝas.* Dansk Esperanto-Forlag, Aabyøj, 1957, p. 140.
3. Corrado Tavanti, Istvàn Ertl. *Tiu Toskana septembro.* HEA, Budapesto, 1990, p. 12.
4. *Miguel de Cervantes.* tradukis F. de Diego. *La inĝenia hidalgo Don Quijote de la Mancha.* Fundación Esperanto, Zaragoza, 1977.
5. *Yang Mo,* tradukis Yang Yongsen. *Kanto de juneco*, I-a parto. EPĈ, Pekino, 1981.
6. *La Espero el Koreio*, 1994:5, p. 12.
7. Kiel [6] 1992, 1, p.4
8. Kiel [6] 1988, 4, p. 12
9. *Mondo de Universitato*, 1980:6, p. 4.
10. Mori Oogai, trad. T. Mikami k.a. *Rakontoj de Oogai*. JEI, 1962, p. 10.
11. *Japanaj malnovaj rakontoj.* Amo-Akademio, Japanio, 1965, p. 8.
12. *El Japana Literaturo*, 1965, Tokio, p. 130.
13. *Kontakto*, 2001:1, p. 10.
14. *Norda Prismo*, 1969:1, p. 63.
15. Ĝ. Ĥalil Ĝibran. *La rompitaj flugiloj*. Kult. koop de E-istoj, Rio-de-Ĵanejro.
16. *Laŭ Ŝe, trad.* Ŭang Ĉongfang. *Kamelo Ŝjangzi*. ĈEE, Pekino, 1988, p. 201.
17. Trad. R. Imbert. *Moderna Kroatia Prozo.* IKS. Zagrebo, 1979, p. 378.
18. Rómulo Gallegos, trad. F. de Diego. *Doña Bàrbara.* VEA, Caracas, 1975, p. 107.
19. Istvàn Nemere. *Nesto de Viperoj.* Impeto, Moskvo, 1994, p. 149.
20. *Riveroj*, 1993:1, p. 25.
21. Kritz Reuven, trad. Ota Ginz. *Freŝa mateno.* Libroj "Pura", Tel-Avivo, 1967, p. 78.
22. Barbara Sakalóvna, *Viro en nigra mantelo kaj aliaj rakontoj.* PEA, Varsovio, 1984, p. 41.
23. *Norda Prismo*, 1969:1, p. 51.
24. *Hungara Vivo*, 1970:1, p. 25.
25. Miyamoto Masao. *Naskitaj sur la ruino: Okinavo.* Pirato, Osako, 1976, p. 29.
26. Prosper Mérimée, *Colomba.* The Esperanto publishing Co. LTG, Heronsgate (Anglio), p. 23.
27. *La Gazeto* 81, marto 1999, p. 25.
28. *La Gazeto* 100, aprilo 2002, p. 19.


Aliajn artikolojn de A.Gonĉarov, rilatajn al la sama temo, vidu ĉe <http://anatolog.narod.ru>



Denaskulino Aŭtuno kun sia patrino – Amanda, dum Tut-Kalifornia Esperanto-Konferenco

# Reguligo de regula lingvo

*Renato Corsetti, Italio*

**Ĉi tiu artikolo prezentas nur parteton de tio, kio estis trovita dum esploro farita de studentino en la universitato de Romo pri la forto de analogia rezonado ĉe beboj. Oni elektis pruvi tion per la internacia lingvo Esperanto pro pluraj kialoj, el kiuj eble la ĉefaj estas la jenaj: unue, mi mem kiel profesoro puŝis la studentinon al tio, ĉar mi estas esperantisto. Due, efektive oni povus pensi, ke Esperanto estas regula kaj logika lingvo, kiel asertas ĉiuj niaj flugfolioj. Se la situacio estus tia, la bedaŭrindaj esperantlingvaj beboj ne havus la eblon "plibonigi", plireguligi la lingvon, kiel ili provas fari dum la lernoprocezo en ĉiuj naciaj lingvoj (ekz. *comed* [komd] por *came* [kejm] en la angla).**

La esploro estis farita surbaze de la taglibroj de gepatroj de denaskaj esperantistoj, kiuj registris ĉiujn iliajn dirojn en la aĝo, kiam tio estas ankoraŭ ebla, alivorte de unu jaro ĝis tri jaroj. Temis entute pri kvin infanoj: du dulingvaj en Esperanto kaj la angla; unu trilingva en Esperanto, la itala kaj la angla; unu trilingva en Esperanto, la germana kaj la serba; kaj unu trilingva en Esperanto, la hungara kaj la serba. Grandan dankon meritas la gepatroj. Mi ne diros iliajn nomojn, sed ili mem rekonos sin, kaj same kelkaj el la infanoj, kiuj nun estas legantoj de KONTAKTO.

La infanaj diroj estis enklasigitaj en kvar klasojn:

– kreado de novaj vortoj el normala Esperanto-materialo, kvankam la rezulto ne estas kutime uzata de la E-parolantoj.

– kreado de esprimoj potenciale eblaj en Esperanto, sed forme aŭ signife malsamaj de la normala Esperanto.

– kreado de esprimoj potenciale eblaj en Esperanto, sed forme aŭ signife deviaj (tre malsamaj) rilate al la normala Esperanto.

– aliaj esprimoj utilaj por aliaj esploraj celoj: lernado de difinitaj gramatikeroj, influo de la naciaj lingvoj, ludaj esprimoj ktp.

Mi ne povas nun pro spacokonsideroj montri la tutan materialon, sed mi montros parton (sendepende de la kvar klasoj priskribitaj ĉi-supre), kiu montras niajn ĉefajn trovojn.

## La unua trovo

Granda uzo de la sufiksoj kaj prefiksoj. Aparte ŝatata estas *mal-*, sed ankaŭ la aliaj estas sufiĉe pli uzataj ol en la plenkreskula lingvo:

*malmiksi* ["dividi"; oni estis miksinta fruktosukojn de du specoj; la infano volis, ke oni nun malmiksu ilin]

*malpluvas* ["estas bela vetero"]

*malscias* ["ne scias"]

*maltie* ["ĉi tie"]

*maltajpilo* [klavo en la komputilo; *maltajpi* = "forvisi"]

*malmateno* ["vespero"]

*malsandviĉigis* [la malgranda frato antaŭe estis inter du kusenoj, kiel sandviĉo, kaj poste liberiĝis de la kusenoj]

*malvenis (la pordon)* [temas pri ŝraŭbo, kiu falis de la pordo; la akuzativo estas en la orginala frazo de la infano]

*malgraveda* ["ne graveda"; la infano diras: "Panjo, kiam vi estos malgraveda, vi portos min sur la biciklo"]

*malplena vorto* [*"buso"* kontraste al "plena" vorto *aŭtobuso*]

*malstartis* (la motoron)

*malnuna* ["posta"]

*malkrabo* ["ne plu fermita krabo"]

*maltute* ["parte"]

*malstelita* ["sen steloj"]

*malgustigis* (ĝin)

*malvindigis* ["eligis el la vindoj/bandaĝoj"]

*malfaru*

*malio* ["nenio"]

*malinterne*

*kantujo* (por kantejo, loko, kie la ĥoro, en kiu la patrino kantas, ekzerciĝas)

*peniso/penisino* ["peniso"/"vulvo"; la infano estis kun la gepatroj nudaj, kaj tiel nomis kaj indikis la respektivajn seksorganojn; la plenkreskula Esperanto estas vere radik-malŝpara]

*ventrema* ["dika"]

*lavisto/lavistino* [la infano retroderivis *la visto*]

*triciklejo*

[baterioj estas] *elektrujo*

*vitrigisto* ["faristo de vitro"]

*elektra seĝo* ["rulseĝo movata per elektro"]

*blovilo* ["balono"]

*trasekigi* [post kiam la patrino diris, ke ŝi tralavis ion]

*esting-fajrujo* [aparta ujo sub la kamiono de la fajrobrigado, kien laŭ la infano oni metas la fajron por estingi ĝin]

Mi preterlasas aliajn ekzemplojn kun *-ujo*, *-ejo* kaj *-isto*, sed mi nepre devas prezenti *germanisto*, "parolanto de la germana", laŭ la ekzemplo de *esperantisto*.

## La dua trovo

Granda elasteco en la derivado de verboj kaj adverboj el la radikoj (kompare kun niaj beboj Claude Piron en la libro *La bona lingvo* estas nur komencanto!):

*nazas* ["ludas per kunfrotado de la nazoj"]

*vangas* [same per la vangoj]

*buŝas* [same por la buŝo]

*lang(et)i* ["malmulte leki per la lango glaciaĵon"]

*mukis* ["eligis mukon", analogie al *sangis*]

*haŭti* ["umi per la haŭto", "daŭre pinĉi la haŭton"]

*ne seĝu sur la divano* ["ne sidu sur la divano"]

*kuvi* (en la kuvo) ["bani sin" en granda kuvo, kiu estis en la hejmo]

*akcidentas* ["havas akcidenton"]

*sangis*

*literiĝas* [la tuta frazo estas: "La vidbend-aparato malsane literiĝas"; alivorte ŝanĝiĝas la literoj kaj la ciferoj, kiam oni rapide returnas bendon]

*perblove*

*persale*

*ege halte, ege paŭze, ege salte* [temas pri priskribo, kiel oni devas iri difinitan vojon, praktike per grandaj saltoj kaj grandaj haltoj inter la saltoj]

*samante (kiel mi)* [en la kunteksto la senco estis: "farante same kiel mi"]

*ventuma* [en ventumilo, la ventuma parto]

*duonkantu* ["kantu nur duonon de la kanto", ne en la normala signifo de tiu kunmetaĵo en Esperanto]

*rida*

*okaza*

*problema* ["Panjo, vi estas problema," diras la infano]

*belos*

*ludeblo*

*dentumado*

## La tria trovo

Klopodo doni sencon al tio, kion ili aŭdas:

*muzis en la muzejo* [tio estas jam raportita de aliaj, sed ankaŭ ni trovis tion ankoraŭfoje; fakte estas malfacile ne pensi, ke oni mem misaŭdis, kaj ke temas pri *muzejo* kaj ne pri la sensignifa *muzeo*; la signifo de *muzi* por infano estas laŭ mi multe pli klara ol la signifo de *preĝi* en preĝejo]

*telesono* ["telefono"; *sono* ja signifas ion, kaj telefono estas io, per kio oni aŭdas sonojn]

*fermestro* ["fenestro"; ĉi tie la infano volis produkti *fermaĵo*, ĉar ja la fenestro estas io kunligita kun *fermi*]

## La kvara trovo

Uzo de formoj gramatike komplikaj (por plenkreskuloj el difinitaj lingvogrupoj):

*ene estas akve*

## Kvina trovo

Uzo de la akuzativo post verboj netransitivaj:

*mi superruliĝos vin*

*mi superruliĝos viajn genuojn*

(Ni jam vidis la tute logikan "Ĝi malvenis la pordon". Se oni venas Milanon, kial oni ne malvenu Milanon?)

## La sesa trovo

Ni trovis ankaŭ, ke kiam la esperantlingvaj infanoj estas pli ol tri-jaraj, ili ege amuziĝas per amaso da lingvaj ludoj inventitaj de ili mem. Tio povas esti ŝuldata al la etoso en la familio. Oni multe atentas la infanojn kaj oni kuraĝigas ilin pri lingvaj aferoj.

Ekzemple anglalingva infano faris kelkajn versiojn tre amuzajn de konata infana kanto, intence miksante la anglajn vortojn kaj la Esperantajn finaĵojn:

*Ba, ba, black ŝo,*
*Have you any ŭulo?*
*Jes, jes, three bags fulo.*
*One for the masto, one for the dejmo*
*Kaj one for the bojo*
*kiu loĝas down the lejno*
[... ĝis la fino]

Serba knabino ŝanĝis konatan

kanton al "Dek kokinoj pendas de la mur"" kaj ŝi volis ankaŭ scii, kial oni metas lignon en la kamenon kaj ne en la kamelon, ktp.

## Sepa trovo

Eventuale oni devas prezenti ankaŭ kelkajn ekzemplojn de interfero inter la naciaj lingvoj kaj Esperanto.

*mal-grazie* [itala vorto, *grazie* "dankon!", kun Esperanta prefikso; en la kunteksto la senco estis: "vi donacis al mi ion intence malbelan, mi ne dankas vin sed faras la malon"]

Ĉi tiu kaj la sekvaj estas uzoj de angla kaj germanaj radikoj kun esperantaj finaĵoj*: *hopi*, *plompos, bomis, ferstantis*.

## Iom teorie

Studoj pri akirado de Esperanto ne estas multaj kaj ofte ili estis faritaj de la gepatroj mem, kiuj ne ĉiam estis lingvistoj, kvankam ĉiuj tiuj, kiujn mi konas, montras tre grandan komprenon de la fenomeno de lingvo-akirado. Lastatempe usona lingvisto Bergen (2001) surbendigis la parolojn de infanoj ĉe Infana Internacia Kongreseto (precize dum la UK en Montpeliero).

Ankaŭ nederlanda lingvisto Kees Versteegh interesiĝis siatempe pri la fenomeno kaj verkis artikolon teorian, kiu okupiĝas pri la ebla evoluo de Esperanto en kazo de ĝenerala denaska lingvo-akirado. Versteegh (1993) provas kompari Esperanton kun piĝinaj lingvoj kaj kun kreolaj lingvoj, sed en la fino li konkludas, ke la situacio estas tute alia, ol tiu de piĝina lingvo fariĝanta kreola. Esperanto estas plena lingvo sen mankoj en la funkcireguloj, kaj do estas neverŝajne, ke denaskuloj enkondukos novajn regulojn. Finfine li konkludas, ke la nura simila kazo estas tiu de la novhebrea relernita denaske de la malnova hebrea, kiu same havis ĉiujn siajn funkciregulojn, kvankam la lingvo ne estis ĝenerale parolata, kiam infanoj komencis relerni ĝin denaske. Kaj fakte ankaŭ la novhebrea havas nur malgrandajn regulajn malsamecojn rilate al la malnova hebrea.

Nia esploro subtenas la teorian aserton de Versteegh. Tio, kion ni trovis estas ne ŝanĝo de la reguloj de Esperanto, sed eventuale nur pli regula aplikado de ili. Nenio en la reguloj de la lingvo malhelpas la formojn:

*(ni) naz-as*
*halt-e*
*rid-a*
*dent-um-ad-o* ["okupiĝado pri la dentoj/purigado de la dentoj"]
*iom-et-o* [kiu estas uzata ankaŭ de plenkreskaj esperantistoj]

En la artikolo de Bergen, kiu efektive estas bazita sur malmulta materialo de infanoj ne tre fluaj en Esperanto kaj ne denaskaj, li pensas, ke tre malfacile la formoj analizaj de la verboj ("mi estas iranta") restos en la dua generacio. Ili estos forigataj favore al la simplaj formoj ("mi iras").

Bergen fakte diras: "La reduktita tens/aspekta sistemo de denaskaj esperantistoj estas konsekvenca ĉe ĉiuj parolantoj, same kiel plenkreskuloj lernintaj Esperanton emas konsekvence havi pli ampleksan sistemon". Sed niaj materialoj prezentas amason da analizaj formoj, kaj eĉ analizajn formojn, kiuj re-malanaliziĝas, kiel en la sekvaj ekzemploj: *povintus*, *okupatas*.

En nia materialo la akuzativo estas regule uzata de tre frua aĝo. Mi donas nur ĉi tiun tre amuzan ekzemplon: M. diras al la patrino: "Mamon!" ["mi volas vian mamon/mi volas esti mamnutrata"]. Poste ŝi diras: "Alian flankon" [mi volas trinki de la alia mamo]. Kaj fine: "(Jo)gurton" ["donu al mi jogurton, ĉar mi ankoraŭ malsatas").

Laste, niaj infanoj montras grandan lingvan ludemon, kiu estas nenio alia ol tio, kion en nacilingvaj libroj oni nomas "metalingvaj kapabloj" (kapabloj pensi pri lingvoj). Ekzemple:

*malhorloĝo kun malstreĉigilo*
*maletikedo*
*vinberoj estas beroj el vino*
*malnerostita* ["rostita"]
*pluvlarmoj estas larminoj* ["tre ĝentilaj pluvgutoj"]
*magneton fonon* [anstataŭ magnetofonon]
*papon kaj eron* ["paperon"]
*olo de skato* ["skatolo"]
*fil-infano* ["knabo", "virinfano"]

## <Legu>


Bergen, B. K. *Nativization Processes in L1 Esperanto. Child Language*, 28: 575-595. Linguistic Department, University of California, Berkeley, 2001

Cizàr, E. *Dulingve. Pli simple*. Rotterdam: Universala Esperanto-Asocio, 1997.

Corsetti, R. A mother tongue spoken mainly by fathers. Language Planning and Language Problems 20,3: 263-273, 1993.

Gledhill, C. The Grammar of Esperanto: A corpus-based description. München: Lincom Europa, 1998.

Nagata, H. "Linguistic and psychological evaluation of word derivation in Esperanto with special reference to the prefix *mal-*". *Bulletin of the Faculty of Law and Literature*, 38: 41-49. Okayama University, 1977.

Vesteegh K. "Esperanto as first language: Acquisition with a restricted input". *Linguistics* 31: 539-555, 1993.



*Renato Corsetti estas lingvisto kaj prezidanto de Universala Esperanto-Asocio. La artikolo unue aperis en* La Brita Esperantisto <www.esperanto-gb.org/lbe> *(n-ro 954), kun modifoj de la aŭtoro.*


* hopi – de la angla "hop", salteti; plompos – de la germana "plump", ridinde mallerta; bomis – de la sonimita "bom!" por io, kio falas; ferstantis – de la germana "verstehen" [ferŝteen] – kompreni.

# "Papo-pap por Papo!"

**Jen kelkaj interesaj vortoj/frazoj de denaskuloj, kiujn ni kolektis inter la gepatroj de denaskaj esperantistoj. Ĝuu la saĝecon de la infanoj!**

### "Kevia uzino"

*Anatolo Gonĉarov, Rusio, pri sia denaskulo – Sergej Gonĉarov (proksimume kvar-jaraĝa):*

"Paĉjo, ĉi tie el trueto io elskarabis". (Ankaŭ en la rusa infanoj povas elpensi similan formon, sed tio estus ridinda por la aĝuloj, kvankam logika de la infana flanko.)

Sergej kun la patro veturas trame, kaj la patro klarigas la preterpasatajn objektojn (en Barnaul, sudokcidenta Siberio). Aperas grandegaj konstruaĵoj de kemia kombinato. La patro diras: "Jen estas kemia uzino". Sergej rediras: "Jes, kevia uzino". La patro: "Ne ke***vi***a, sed ke***mi***a uzino". Sergej: "Mi komprenas: ke***vi***a uzino". La patro devis klarigi la aferon per aliaj frazoj.

### "Papo kaj mamo"

*Thomas Alexander, Usono, pri sia filo Jonah [ĝona]:*

Mi havas dosieron da slipetoj, kiujn mi faras, kiam la infanoj diras ion amuzan aŭ interesan. Plej ofte temas pri amuza miksaĵo de la lingvoj (kiel "you got to 'poon' [pun] (=punish) her – vi devas puni ŝin"). Jen kelkaj plimalpli hazardaj citaĵoj:

2,5-jaraĝa: "*papubly*" (miksaĵo de "papilio" kaj "*butterfly*")

3-jaraĝa: mi uzis la vorton "tamburino" kaj li revenis post kelkaj minutoj kaj demandis pri la "*tambureto*".

4-jaraĝa: "fajroteknikaĵoj" anstataŭ piroteknikaĵoj*.

Krome, mi ne notis la aĝon, sed iam ni ludis per tri speguloj, kaj ni multe ridis, ĉar estis "tri paĉjoj". Jonah aldonis ke estas tri "ĝonaj". Estis interese, ke li tiel pluraligis sian nomon. Li ne diris "tri Jonah-oj".

Dum mallonga tempo mia edzino kaj mi nomiĝis "Papo" kaj "Mamo". (Jes, vere.) Mamo baldaŭ fariĝis "Mami", sed dum sufiĉe longa tempo mi estis la papo de la familio.

La angla nomo por trinkaĵoj kiel kokakolao varias de regiono al regiono, eĉ ene de nord-orienta usono, sed ni kutime diras "soda pop" (ĉe ni [soda pap]). Mi ne trovas noton pri la aĝo, sed verŝajne estis frue en 2002, do li estis ĉirkaŭ du-jaraĝa. Jonah elpensis la nomon "papo-pap" por "biero". Nur poste li diris "biero".

### "Malblanka vino"

*Claud Piron:*

Normand Fleury foje rakontis, ke lia filo hezitis inter la formo "ruĝa vino" uzata de la patro, laŭ la franca esprimo, kaj la formo "nigra vino", uzata de la patrino, laŭ la kroata maniero. Li solvis la problemon dirante "malblanka vino". Mi memoras ankaŭ, ke kiam Nicolas, la filo de Olivier Tzaut, estis kvin– aŭ ses-jaraĝa, mi envenis lian ĉambron kaj demandis: "Kion vi faras?" Li respondis: "Mi puzlas". Efektive, li estis ludanta per puzlo. Kompreneble, tio ne estas denaskismo, nur simpla apliko de normala Esperanto-strukturo, sed estas interese rimarki, ke tiel juna infano jam asimilis la sistemon sufiĉe por ĝeneraligi ĝin al io nova.

### "Ne krokodilu!"

*Bart Demeyere, Belgio:*

Dum la internacia vespero de Esperanta aranĝo patrino prave laŭte riproĉis sian filinon, sed ŝi faris tion germane. La sep-jaraĝa denaska esperantistino kolere rekriis: "Ne krokodilu".

### "Mi estas bela"

*Boris Kolker, Rusio/Usono:*

Kiam nia filino estis 7-jara, en nia urbo okazis regiona Esperanto-renkontiĝo. En la komenco ĉiuj sidis ĉirkaŭ tabloj kaj prezentis sin. Ŝi prezentis sin jene: "Mi estas bela". Vidante ĉies miron, ŝi aldonis: "Tio estas mia nomo: Bella Kolker".

Preparis Ĵenja Amis

* Pri tiu lasta frazo Renato Corsetti rimarkis: "Mi notas tiun tre bonan ekzemplon de la infana klopodo doni sencon al tio, kion ili aŭdas. Inter tiuj fajroj en la ĉielo kaj "piroj" estas nenio komuna")

# Umberto Eco diris...

*Simajro Nneer, Hispanio*

Antaŭnelonge mi legis la libron de Umberto Eco [umberto eko] *La serĉado de la perfekta lingvo en la eŭropa kulturo**. Tie li montras kaj klarigas la vojon tra la historio por trovi unusolan lingvon, per kiu la homaro povus interkompreniĝi. Post la longa analizado de ĉiuj provoj faritaj dum la historio, de Danto ĝis Zamenhof, li konkludas, ke atingi internacian lingvon por ĉiuj homoj eblas, sed ne facilas. Inter la problemoj, kiujn li nomas, estas la neceso krei supernacian organon por kontroli kaj konservi la lingvon, tiel ke ĝi daŭru internacie. Mi opinias, ke tio ne estas problemo, ĉar jam nun ekzistas tia organo: la Akademio de Esperanto, kaj ĝi tre bone funkcias starigante normojn por ĝuste kaj bone uzi la Internacian Lingvon. La Akademio samtempe estas sennacia organo formita de diversaj anoj kun diversaj naciecoj, sed malgraŭ tio ĝi restas sennacia. Do, la unua problemo estas solvita.

La dua problemo, laŭ li, estas ke ĉi tiu universala lingvo ne povus esti uzata por la ĉiutagaj aferoj, ĉar ĝi tute malordiĝus kaj kaŭzus la malan efikon: tio estas dialektiĝo. Se oni konsideras, ke la unuan problemon ni jam solvis, la dua problemo simple ne havas sencon – ja la Akademio strebas ĝuste al tio, ke oni apliku normojn por la lingvouzado. Same okazas en la nunaj naciaj lingvoj, ĉe kiuj ekzistas akademioj, kiuj reguligas la lingvojn – ja la parolantoj ofte ne plenumas la decidojn de la akademianoj. Do, akademio povus reguligi tian internacian lingvon, sed tamen ne eblas eviti vulgarigadon de la lingvoj, kiam ili estas uzataj ĉiutage. Sed tio ne signifas, ke la lingvo ĉesas esti unuforma. Ĉu oni vere kredas, ke aŭstraliano kaj usonano tute same parolas la anglan? Mi diras – ne. Ili interkompreniĝas, sed ĉiu el ili havas siajn proprajn idiomaĵojn, vortojn kaj esprimojn por nomi la samajn aĵojn. Tamen, ĉiuj ni povas aserti, ke ili parolas la anglan kaj ne la hispanan nek la ĉinan, ĉu ne? Laŭ tio, la vera gravaĵo estas subteni kaj stimuli la Akademion kiel veran ilon por la komunikado inter la popoloj de la Tero kaj krei modelon ne trudatan, sed helpantan. Se oni sukcesas disvastigi Esperanton kiel Internacian Help-Lingvon (IHL), tiam jes ni havos la okazon por komenci ekde nulo kaj konstrui akademion, aŭ taŭgigi la nunan, kiu estos rigardata kiel homa ilo por kompreniĝo inter ĉiuj ni, kaj tiel la tuta homaro defendos kaj apogos tiun institucion kiel ĝi neniam antaŭe faris.

Alia problemo nomata de profesoro Eco estas manko de historia heredaĵo tiom necesa al la lingvo. Certe, sed false rilate Esperanton. Eco pravas, kiam li diras, ke historia heredaĵo estas tre grava ĉe lingvo, ĉar ĝi donas al ĝi kuntekston kaj solidecon, sed estas false tiel paroli pri Esperanto, ĉar tiu ĉi lingvo jam travivis preskaŭ 120 jarojn. Do, la historia heredaĵo de Esperanto estas tre firma, kaj ĝi daŭre kreskas plukante novajn spertojn tra la tuta mondo kaj tra la tempo. Dum 119 jaroj Esperanto povintus suferi profundajn kaj konfuzajn ŝanĝiĝojn, sed tiel ne okazis. Unuflanke, la Akademio reguligas la lingvon, kaj aliflanke la esperantista komunumo akceptas ĝian gvidadon (preskaŭ ĉiam) kaj komprenas, ke la internacia lingvo estas komunikilo ne nur por la nunaj esperantistoj, sed ankaŭ por la estontaj kaj por la tuta homaro. Do, se oni ege ŝanĝus la lingvan fundamenton, kiun starigis d-ro Zamenhof, tiu internacia eco finiĝus, kaj Esperanto neniam plu taŭgus por sia celo. Ĉi tiu estas la disvastigenda ideo.

La homaranisma koncepto (komprenu ĝin kiel *naturo*) estas la vera fundamento de Esperanto, kaj se ni sukcesos disvastigi ĝin inter la popoloj de la Tero, ni ankaŭ sukcesos donaci Esperanton al la homaro, kio estis la deziro de d-ro Esperanto kaj estas ankaŭ nia nuna deziro. Oni povas rilatigi ĉi tiun kaŭzon al tio, kion Eco nomas kiel “nescienciaj racioj”, kiuj tre instigas koni kaj disvastigi ajnan helplingvon. Kaj same Eco diras en sia libro, citante Antoine Meillet [antŭan meje]: “Ĉiu teoria diskuto vanas: Esperanto funkcias”.

Finfine, ankaŭ Eco agnoskas, ke la Esperanta kulturo nun estas tre disvolvita, kaj ekzistas multaj verkoj kaj tradukitaj kaj originale kreitaj en Esperanto. Tamen li ne pliprofundigas ĉi tiun tezon kaj lasas ĝin pendi. Ankaŭ li iom nerekte defendas la uzadon de Esperanto kadre de la Eŭropa Unio, sed ne engaĝas sin evidente, eble pro la efikoj, kiujn tio povas alporti.



Umberto Eco

Malgraŭ ĉio, mi respektas kaj agnoskas, ke la opinio de Eco estas tre saĝa kaj prudenta, kaj ankaŭ mi komprenas, ke li ne volas rekte engaĝi sin. La naturo de ĉi tiu verko ne estas reklamo – ĝi estas unu eseo el multaj, kiuj estas verkitaj pri la penoj de la homaro krei/atingi universalan lingvon, antaŭ ĉio en Eŭropo.

Sekve mi ne kritikas lin, sed mia opinio estas kontraŭa, kaj mi ĝin esprimas. Profesoro Eco, bonvolu daŭrigi verkadon kiel ĉi tiu kaj donu al ni novajn vidpunktojn pri la lingvoj kaj ilia uzado. Tamen mi opinias, ke Esperanto jam sufiĉe pruvis sian taŭgecon kaj oni povas profiti ĉi tiun sperton por disvastigi internacian lingvon tra la mondo.

* Umberto Eco estas itala verkisto kaj semiotikisto. La libro *La serĉado de la perfekta lingvo en la eŭropa kulturo* (originale *La ricerca della lingua perfetta nella cultura euro”)* haveblas en Esperanto – Red.

# Portempa loĝloko

*Maksim Petrov, Kazaĥio*

Ĉiu homo dum la tuta propra vivo konstruadas urbon. Ĉiuj domoj en la urbo estas tiuj, en kiuj li iam loĝis. Naskiĝ-domo; infanĝardeno; lernejo, kiun li vizitis dum plenaj jaroj de sia nelonga vivo – ĉio aperadas en malplena spaco ekde la unuaj vivotagoj de la homo. Tiuj ĉi memorindaj lokoj plu ekzistas, ne-mal-noviĝante kaj konservante la antaŭan aspekton. Kelkfoje la plenaĝiĝinta mastro venas tien por **admiri** la infanan freŝecon de la memoraĵoj. Tamen ilia longdaŭro dependas de lia memor-konstanteco.

Se ilin longe ne viziti, memorindaj **pejzaĝoj** paliĝas kaj disfluas en la aero, kvazaŭ nebulo. Forgeso faligas, **detruas** domojn, liberigante lokon por novaj rememoroj. Plue la urbo pli-grandiĝas. Povas aperi montoj, maro, arbaro – pejzaĝoj, meze de kiuj vivis la homo, fariĝas partoj de la urbo.

La ĉielo super la urbo konsistas el diversaj pecoj – klare bluaj, nubecaj, stel-plenaj, fulmo-**tondraj**. Same tiel ankaŭ vetero en diversaj lokoj estas malsama.

Kelkfoje super la horizonto aperas **miraĝoj** – “aeraj **kasteloj**”. Sed kiel ajn la homo klopodas konstruadi laŭ idealaj ekzemploj, li malofte sukcesas tion plene; aŭ tero por **fundamento** ne estas taŭga, aŭ la kvalito de materialo ne estas alta, aŭ la kvanto ne sufiĉas.

Frue aŭ malfrue la homo devas translokiĝi: tio estas lia devo. Kien – scias neniu. Unuj diras, ke en pli komfortan loĝejon, kie estas ĉio necesa; la aliaj – ke en rubejon por **mizero** kaj **trampado**. La triaj – ke en senliman spacon, kie ne ekzistas tero kaj ĉielo, lumo kaj malhelo.

Sed tiel aŭ alie, forveturas ĉiu, ĉu dezirante tion aŭ ne. Pakaĵon oni kun si ne prenas. Kiam la mastro forflugas, aviadilo dum ekflugo kreas tian fortan turno-blovon, ke tiu **forbalaas** la tutan urbon, detruante ĝin ĝis la lasta ŝtono.

Kiam vento ĉesis, sur tiu ĉi loko restas nur senuza tereno – tia same, kiel pli frue.

**admiri** – miri pri iu/io, respektegi, ŝati
**balai** – purigi
**detrui** – neniigi
**fundamento** – bazo por domo kaj tiel plu
**kastelo** – bela, tre forta domego
**miraĝo** – ŝajnaĵo
**mizero** – malfeliĉeco, malriĉeco, kompatindeco
**pejzaĝo** – vidaĵo
**tondro** – post fulmo okazas tondro
**trampi** – vivi kiel trampo: t.e. mizere, sen-loĝeje, kun malbonegaj vestaĵoj



# “Bonega, optimisma, vivoplena kaj viviga!”

***JoMo slavumas. JoMo kaj aliaj. KD kun 24 titoloj (70 min.). Donneville: Vinilkosmo, 2006.***

*Paŭlo Moĵajev, Ukrainio*

Ege malverŝajnas, ke iu el la legantoj de Kontakto ne scias, kiu estas la franca kantisto Jean-Marc Leclercq aŭ simple JoMo, kies tria disko aperis komence de tiu ĉi jaro. La antaŭa disko (“JoMo friponas”) kaj ankaŭ la etoso de liaj koncertoj (bonega koncerto okazis i.a. dum la pasinta IJK en Zakopane) eĉ sen ajna konatiĝo kun la nova albumo igas la aŭskultontojn certi, ke tiu plenplenos je energiaj, gajaj, dancigaj kaj – povas esti – jam konataj kaj famaj muzikaĵoj.

Ĉi-foje, tamen, la enhavo de la disko estas iom aparta, kaj ĝin, i.a., ne plene priskribas la titolo, kiu fakte, eĉ misgvidas: en la disko estas prezentitaj ne nur slavaj aŭ slavecaj kantoj, sed ankaŭ la judaj, ciganaj kaj eĉ unu “tradicia ĉuvaŝa kanto”. Oni povas konstati, ke la slavoj, fakte, restas eĉ en malplimulto kaj pli ĝusta nomo por la albumo devus esti “JoMo orienteŭropumas”. Tiu konstato estas tiom pli certa, ke, laŭ mia opinio, la slavaj kaj slavecaj kantoj de la disko aspektas iom pale surfone de la pli buntaj kaj karakterizaj judecaj kaj ciganecaj melodioj.

La plimulton de la kantoj aŭtoris JoMo mem (foje temas nur pri traduko, foje ankaŭ pri la muziko), la restaj estas la pli-malpli konataj popolaj kantoj (inter ili – ankaŭ kelkaj klasikaĵoj, kiel “Tumbalalajka” aŭ “Apudmoskvaj vesperoj”, ricevintaj dank’ al JoMo novan muzikan veston). La popolaj kantoj, memkompreneble, estas belaj, kortuŝaj kaj facile ĝueblaj; kio koncernas la aŭtoritajn kantojn, do ilia kvalito tre diversas: kelkaj estas veraj belaĵoj (kiel ekz. la judeca “La fumo”), dum kelkaj ŝajnas al mi nuraj “ŝtop-kantoj” (feliĉe, tiaj estas vere nur kelkaj!). La plenumo de ĉiuj kantoj estas tre altkvalita; krom JoMo konstante aŭdeblas bela kaj forta ina voĉo de Irina Lebedeva (la prononco de ambaŭ estas sufiĉe bona kaj klara).

La muzik-koloroj estas variaj kaj brilaj; kiel atendate, multas viglaj kaj ritmaj muzikaĵoj. La miksaĵo de rokecaj drumoj kun popolecaj melodioj eble komence sonos iom nekutime, tamen eblas rapide alkutimiĝi kaj percepti tion tute natura. La unuura Esperanto-rilata ero de la albumo estas la kanto “Pola” – vigla, amuza kaj bonhumora alikantaĵo de la fama “Sola”. La diskon akompanas plaĉa tekstolibreto, enhavanta krom kelkajn preserarojn ankaŭ multajn fotojn.




Malfacilas trovi seriozajn mankojn (krom se ne serĉi ilin kun aparta diligento), tamen mi plendu pri la tradicie nesenmakula lingvaĵo de la tekstoj: oni sukcesis misuzi kelkajn prepoziciojn kaj pronomojn, misloki akcentojn en multaj vortoj (eĉ se tion postulas la muzikaj konsideroj la misakcentado ill, unU ks. tamen ege tranĉas la orelon) kaj eĉ perdi unu akuzativon. Tamen ĝenerale la disko estas treege bona, optimisma, vivoplena kaj viviga; ĉiu aŭskultanto tutcerte estos kontentega.

# Ĉu vere la bovinoj kulpas?!

(Reago al la artikolo de Felix Zesch en Kontakto 212, 2006:2 “La formanĝata... planedo”)

Mi kun granda intereso legis la Kontakto-numeron, dediĉitan al vegetarismo kaj bestaj rajtoj. Multaj informoj, prezentitaj en ĝi estas sendube atento-kaptaj kaj pripensindaj. Tamen mi volus atentigi, ke iuj vegetaranoj dum informado pri sia viv-maniero emas tamen troigi certajn detalojn kaj iom tordi la realecon (same faras ankaŭ iuj esperantistoj dum informado pri Esperanto, do tiu peko estas certagrade pardonebla). Ĉi-rilate mi volus aparte mencii kelkajn asertojn el la artikolo de Felix Zesch. Liaj penoj prezenti la bovo-bredadon kiel preskaŭ la ĉefan kialon de ekologiaj problemoj ĉe mi elvokas rideton. La “1,3 miliardoj da bredataj bovoj” estas nenio kompare al multegaj milionoj da grandaj aŭ etaj bestoj (“metan-, urin-, fekaĵ-, varmec-, ktp-eligantoj”), ekstermitaj de homo (rememoru almenaŭ la hontindan por la homaro historion pri forbuĉo de multegaj nordamerikaj bizonoj en la 19-a jarcento).

Kaj eĉ pli memkompreneblas, ke eligado de naturaj substancoj fare de vivaj estaĵoj, kiuj ajn ili estu – bestoj aŭ homoj, estas ege malpli danĝera por ekologio, ol kiel ajn bone pripensita kaj lerte aranĝita industria agado de homo, kiu kaŭzas eligon de danĝeraj (aŭ ŝajne sendanĝeraj) substancoj, pri kies utilig– kaj transformo-meĥanismoj la naturo tute ne disponas. Mi ege dubas, ke pri acidaj pluvoj kaj detruo de ekologiaj sistemoj kulpas unuavice la pisanta bovino (homo, kato, ktp.); multe pli gravaj faktoroj estas la sulfur-oksidoj, freono kaj multaj miloj da aliaj kombinaĵoj, kiuj estas kroma produkto de homa agado. Se kompari la tradician bovo-bredadon kun ajna moderna industria produktado la pli granda danĝero de la lasta por la ekologio ŝajnas al mi evidenta.

Aparte neakceptebla ŝajnas al mi ankoraŭ unu sufiĉe laŭta alvoko de besto-protektantoj malpermesi ajnajn perbestajn eksperimentojn. Ĉi tie la amikoj de bestoj ŝajnas al mi iom similaj al herooj el iuj usonaj filmoj, kie lerta advokato sukcesas atingi malkondamnon de murdisto, pruvinte nur, ke dum la aresto polico rompis la leĝon. Jes ja, la polico malpravas, sed per tio ni neniel pruvas, ke murdisto ne faris sian fiagon. Mi kiel medicinisto atestas, ke multegaj eksperimentoj, farataj nun kaj jam faritaj de niaj praulo estas neniel plenumeblaj sen uzi la poreksperimentajn bestojn. Vere, por multaj eksperimentoj nun oni povas uzi multe pli humanajn kaj delikatajn esplor-metodojn, sed ili estus neeblaj, se antaŭe la homaro ne ricevus certajn sciojn pere de perbestaj eksperimentoj (diabla cirklo, rompebla nur per... perbesta eksperimentado almenaŭ dum komenca ŝtupo de scienc-evoluo!). Ĉu ni kondamnu grandan Harvey, kiu malkovris la sangocirkulajn cirklojn dank’ al perbestaj eksperimentoj? Ĉu ni forprenu la Nobel-premion de granda Pavlov pro tio, ke liaj gravegaj malkovroj pri funkciado de nerva sistemo (malkovroj, kiuj ebligis savi aŭ plibonigi la vivon de multaj milionoj da homoj!) estas ŝuldataj al mortigitaj hundoj? Ĉi tie ni trafas la ege malfacilan etikan demandon: kio estas pli valora? Ĉu la vivo de unu homo aŭ vivo de dek bestoj? Mi persone emas akcepti la unuan varianton, malgraŭ ke ankaŭ mi ege kompatas la mortigatajn estaĵojn.

Kaj fine, mi volus esprimi la penson, kiu eble povas interpacigi la vegetaranojn kaj viando-manĝantojn. Ŝajnas al mi, ke viando-manĝado estas neevitebla fenomeno dum evoluo de homaro, la fenomeno, kiu iam devas pace kaj nerimarkeble forpasi. Estas malsaĝe riproĉi la romiajn senatanojn pri sklavismo – tiutempe alia socia ordo estis neebla. Estas neracie kritiki la tro vastan kaj ofte senbezonan aplikadon de hirudo-kuracado en mezepoko – tiutempe la pli efikaj kuraciloj mankis, dum hirudoterapio estis certagrade bona. Same senutile estas kondamni la viando-manĝadon, kiu havas longan historion kaj (almenaŭ en prahistorio) havis gravegan signifon por la travivado de la homo kiel biologia specio: ja estas evidente, ke por la rektaj, lertaj homoj estis multe pli facile mortigi mamuton, ol kultivi tritikon (maizon, sojfabujojn ktp.) por ricevi sufiĉe da nutra manĝaĵo por kreskanta tribo. Se niaj praŭloj ne manĝus viandon, ni, plej verŝajne, simple ne havus la eblon agrable disputi nun en la internacia lingvo. Tamen nun jam klare videblas la signoj, ke viando-manĝado aŭ tute malaperos, aŭ almenaŭ fariĝos signife malpli grandskala: la moderna medicino klare diras, ke produktoj de besta deveno estas pli ofte malutilaj, ol sanigaj. Do viandumado iom-post-iom malaperos same kiel sklavismo, lobotomio (kripliga operacio, pasintece vaste uzata pro ĝiaj kvazaŭaj kuracaj efikoj kontraŭ psikmalsanoj) kaj ceteraj atavismoj de la historio de l’ homaro (kies bela sonĝo tiam efektiviĝos, por eterna ben’).

Kaj tiutempe ni havos bonan okazon priparoli aliajn etikajn demandojn, ekz., ĉu estas bone uzi antibiotikojn, mortigantajn milionojn da vivaj estaĵoj – mikrobojn?

**Paŭlo Moĵajev, Ukrainio**

# Barcelono: la unua amo

*Onjo Ĉernišova, Rusio/Katalunio*

En infanaĝo, kiam mia plej ŝatata objekto estis mapo de la mondo, kaj mi sciis, kie situas ĉiuj landoj kaj grandaj urboj, mia patro demandadis min fojfoje: "Kiu urbo plej plaĉas al vi?" Mia respondo estis mirinde firma: "Barcelono". Sendube, al mi plaĉis la vorto. Miaj konoj pri la urbo konsistis el svagaj imagoj pri ĝia rilato al Kolumbo kaj fama futbalteamo. Sed mi ankoraŭ nenion sciis pri Antoni Gaudí. Ĝuste li, pli ol dek jarojn poste, fariĝis kaŭzo por konscia ekŝato. En fotoalbumo, kiun alportis mia kunlaborantino pri sia vojaĝo, mi ekvidis sunplenan buntkoloran urbon kun statuo de Kolumbo, montranta al Ameriko, grandioza diverskolora fontano, komforta etoso de placoj, oranĝarboj en **klostroj** kaj plantoj en potoj surstrate (kia strangaĵo!). Sed plej impresis min arkitekturo de modernisma geniulo Antoni Gaudí – absolute malsimila al ĉio, kion mi vidis antaŭe. Pasis jaroj ĝis mi eksciis, ke mia sorto estas reciproke enamiĝi al kataluna esperantisto, transpreni de li amon al kataluna lingvo, popolo kaj kulturo, fine edziniĝi kaj translokiĝi al li. Al li kaj al Barcelono.

Post la enormaj dimensioj de Moskvo, mia patrourbo, barcelonaj stratoj, domoj, trinkejoj kaj restoracioj aspektis por mi malgrandaj kaj tre hejmecaj. Des pli ke homoj ĉi tie salutemas kaj parolemas. Tamen sen troeco. En Barcelono diverseco malebligas troecon. Vi povas libere babili pri la vivo kun apotekisto aŭ vendisto kaj post kvin minutoj perdiĝi en amaso da turistoj, eniri drinkejon, en kiu ĉiuj vizitantoj konas unu la alian kaj etoso estas sama kiel antaŭ dek jaroj; kaj en apuda kvartalo vi povas aĉeti plej lastan kreaĵon de moda dezajnisto, sen dubi pri ties originaleco. Same malfacilas ion diri ĝenerale pri la loĝantaro, ja estas granda diferenco inter katalunoj, hispanoj kaj enmigrintoj, kiuj ĉi tie abundas.

Barcelono estas granda miksaĵo de kulturoj, lingvoj kaj karakteroj. La urbo estas malfermita, ĝi akceptas ĉiujn bonvene – tiel bordo akceptas ĉion, kion alportas la maro. Tamen la maro ĉi tie estas trankvila. Kaj ankaŭ homoj estas sufiĉe malstreĉitaj. Ili ŝatas senhaste pasigi tempon en kafejoj kaj restoracioj, dormi post tagmanĝo, poiomete vekiĝi kaj vigliĝi al malfrua vespero – tiam ili abunde vespermanĝas, iras trinki ion, poste iras trinki en alia loko aŭ al diskoteko... Kaj ĉie ili babilas – kun amikoj kaj kun nekonatoj, tio ne gravas, ili simple estas komunikiĝemaj. Barcelono estas ia ajn, sed ne enua. Kaj aldone ĝi regalas per preskaŭ ĉiutaga suno, kaj se pluvetas, ĝi donacas momentojn de intimeco, karesante per freŝa, sed plue varma aero.

Nun la kreaĵoj de Gaudí estas por mi realo, la statuo de Kolumbo ne ŝajnas tiom alta kaj laŭ la fama promenejo Rambles – de la komenco ĝis la fino – mi promenas nur la 23-an de aprilo, en la tago de Sankta Georgo, kiam la bulvarda akso pleniĝas je libro- kaj rozbudoj: laŭ la tradicio en tiu ĉi tago viroj donacas al siaj amatinoj rozojn, kaj virinoj reciprokas per libroj. Sed la urbo plu konservas sian ĉarmon. Eĉ pli – de bela imago, kreita per sono de ĝia nomo kaj fotoalbumoj, ĝi fariĝis por mi viva estaĵo. Ĝia koro estas Gotika kvartalo, kun nepraj "sardanes" (kataluna popola danco) apud la Katedralo, kiuj logas aliĝi al la rondo – ili ŝajnas enuaj, se vi nur spektas, sed nekredeble amuzaj kaj gajaj, kiam vi dancas. Trairinte la vertebraron de Rambles eblas atingi la urban sinon – Raval, loĝloko de enmigrintoj, kun ĉiama bunta tumulto surstrate. Kaj la cerbo estas Eixample, kun severe planita krado de stratoj, ornamita per perloj de modernismo. Kontraste al tiu ĉi ordo troviĝas la drinkema kaj festema kvartalo Gràcia. Kaj por ne sufokiĝi – jen verda duonringo de pulmoj: montaro Collserola. Ĉu necesas diri, ke mi ne bedaŭras pri mia infana elekto?

Fotoj: Sjoerd Bosga

**klostro** – kovrita promenejo ĉirkaŭ interna korto de monaĥejo, katedralo k.s. kun muro ĉe la ekstera flanko kaj kolonaro, arkadaro aŭ fenestraro ĉe la interna (N.PIV)



Ferriol Macip, membro de KTP - kataluna muzikgrupo, kiu ludas folklor-muzikon, ankaŭ tradukitan en Esperanton



Markolora eno de Casa Batlló (A.Gaudí)



*Sardanes*: "Enuaj, se vi nur spektas, sed nekredeble amuzaj kaj gajaj, kiam vi dancas"!

